XXIª jaro. Nº 300—301 (8—9) ☆ Monata ☆ Aŭgusto/Septembro 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |
| *Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## La Somera Universitato kaj la Deksepa.

Dum semajno post la Kongreso mi loĝas apud la klarakva lago Ĝeneva, for de la bruo de l' homoj kaj profundiĝas en penso. Pli klare mi nun vidas ĉion — la estintecon kaj estontecon de nia movado. Hieraŭ, en Vieno, ni sidis dum horoj kaj vane penadis instigi eĉ unu landon inviti kongreson, ĝis fine, en malespero, ni trudis ĝin duan fojon al urbo Ĝeneva — forta centro de gastema, praktika popolo svisa. Hodiaŭ, en kongreso trudita, troviĝas invitoj kvin por la ĉiujara soleno nia.

Kial, do, tiu nova situacio? Ĝuste ĉar la deksepa en Ĝenevo staras inter la malnova kongresreĝimo kaj la nova. Ĉar, laca je l' antaŭa kongressistemo kun ĝia granda nombro da turistemaj personoj kiuj dum tuta jaro neniel subtenas la organizitan movadon, la Esperantistaro forturnas la okulojn, serĉante novan, pli belan, pli utilan perspektivon. Kaj en tiu psikologia momento, kiam ĉiu sin demandas „Por kio, do, utilas?" niaj amikoj en Ĝenevo montras al ni la vojon.

Ne plu oni diru ke la Esperantistoj kongresas por sin amuzi en senfinaj ekskursoj, ne plu oni moku je nia verdstelemo, ĉar hodiaŭ ni montris al la mondo, ke ni estas serioza popolo. Inter la blankaj muroj de la plej internacia urbo de Eŭropo ni fariĝis denove studentoj — sed studentoj de Universitato Internacia en kiu instruis nin, ĉiu pri sia temo, famaj homoj el diversaj landoj en sola lingvo Esperanto.

Ni vidis ne nur la komencon de nova periodo en niaj kongresoj, sed la starigon de nova fakto en la kulturo internacia, kiu povas havi plej gravan efikon ĉe ĉiu homo sur nia terglobo. Ni rimarkis la alproksimiĝon kaj kompreniĝon ne nur de lando kun lando, sed ankaŭ de Okcidento kun Oriento. Nia Universitato kresku kaj floru kaj fine kreu inter la homoj tiun internacian penson, kiu sola povas rekonstrui nian detruitan civilizacion!

En ĉiu distrikto samideano reveninta rakontos pri impresoj kaj plezuroj de nia deksepa; mi, do, limigas min al du impresoj: l' unua, impreso de manko; la dua, impreso de ĝojo kaj espero.

Jes, mankis ĉe la Ĝeneva Kongreso — plendoj. La esperantisto — kaj precipe tiu, kiu neniam mem laboras — ĉiam estas nur tro preta kritiki kaj plendi, kaj tiu plendomanko tial plej trafe atestas pri la bonega aranĝo de ĉio en Ĝenevo. Grandan dankon kaj gratulon ni ŝuldas al D-ro Edmond Privat por lia senlaca kaj majstra gvidado de aferoj kaj al ĉiu membro de la Loka Organiza Komitato.

Ĉiu, kiu laboris por la deksepa, restos kunligita en nia memoro kun tiu bela manifestacio de nia renaskiĝinta kongressistemo.

Kaj ĝojo kiu naskas esperon, estas por ni tiu aro da junaj homoj ĉirkaŭ la sidejo de nia internacia movado, kiuj, ĉiu en sia fako plej sperta, forlasas brilajn karierojn por sin dediĉi al Esperanto. Ne por ili la rekompenco de granda salajro, de ŝtatdonitaj titoloj, sed tamen al ili verŝiĝas el ĉiu esperantista koro plej alta ŝato kaj admiro. Ni fidu nian movadon ĉar ĝi altiras tiajn homojn.

*Charles H. Edmonds.*
Honor. sekretario de BEA kaj KR.



# XVII. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
# ĜENEVO ☆ 2—7 AŬGUSTO



## El taglibro de la kongreso.

Jam unu semajno antaŭ la kongreso aperis en nia urbo unuaj samideanoj, senpaciencaj pri la proksima festego, aŭ bonvolaj helpi al la Loka Komitato.

Ĵaŭde vespere, la 30an de julio, la stacidoma akceptejo estis preta, kaj tie eksidis la tuta kongresa komitato, la oficistaro de UEA kaj aliaj helpantoj. Menditaj libroj, presaĵoj, cirkuleroj, skribmaterialo, flagoj kaj aliaj akcesoraĵoj alfluadis ĉiuhore en paketoj, pakoj, pakegoj, kestoj, korboj el presejoj de Ĝenevo, Bern, Magdeburg kaj el diversaj urboj eksterlandaj. Dekoj da homoj svarmis por akcepti, ordigi, enlokigi kaj transporti tiun amason da materialo al diversaj punktoj de la kongresurbo.

La varmego de l' antaŭaj semajnoj subite ĉesis je la komenco de la kongreso, kaj tiu freŝa atmosfero estis unu el favoraj cirkonstancoj por la festego. Vendrede je la 8 h. 30 m. la Aŭlo, t. e. solena ĉambrego kun galerioj, de la Universitato pleniĝis je esperantistoj kaj neesperantistoj venintaj por ĉeesti la malfermon de la Universitata Semajno. Je la nomo de la Ĝeneva Universitato parolis prof. *Pierre Bovet*, unu el organizintoj de la prelegoj, konata psikologo kaj pedagogo, aŭtoro de multaj verkoj, el kiuj la lasta en Esperanto. Post li okupis la katedron prof. *Cart*, prezidanto de la Akademio Esperantista, kiu akcentis la vivantecon de nia lingvo. Sian esperantan tre viglan paroladon li ripetis france, por la fremda publiko. Patro *Carolfi*, prezidanto de la Internacia Katolika Instruistaro, kaj kolonelo *Inglada*, prof. de militlernejo en Madrid, salutis la belan Ĝenevon kaj la unuan Esperantistan Universitaton, kiu estos ĝermo por la estonta konstanta Universitato en Esperanto. Fine S-ro *Won Kenn*, de la Centra Komitato, faris prelegon pri la penso de Konfucio. Pli ol 500 personoj tute plenigis la Aŭlon, kaj la neesperantista publiko havis okazon aŭdi la konatajn profesorojn, kiuj antaŭnelonge lernis Esperanton por la Somera Universitato. La neesperantistoj, uzantaj publike Esperanton, estis vere granda novaĵo por la publiko.



*Profesoro PIERRE BOVET*

Sabate matene ekfunkciis Somera Universitato en la Kemia Lernejo kaj la Komerca Lernejo. S-ro *P. Stojan*, malgraŭ la frua horo, havis la grandan amfiteatron preskaŭ plena, ĉar venis pli ol 200 gekongresanoj por aŭdi pri „La Evoluo de Esperanto". Prof. *P. Bovet* kaj inĝeniero *Isbrücker* okupis la duan horon per prelegoj pri „La instinktoj de l' infanoj" kaj „Evoluo de la Telefonio". Je la 11a prof. *Ch. Baudouin* prelegis pri la „Psikagogio kulturo de la spirita forto".

Posttagmeze, dum la bela vetero, okazis ekskurso al la Laborofícejo kaj samfoje al la fama parko Ariana, kie estas plantejoj, bestejoj, birdejo kaj la Muzeo. Pro la feliĉa koincido, samvespere la tuta Ĝenevanaro festis sian nacian solendaton, kaj pro tio la urbo estis plena je lumoj, muzikoj, artaj fajraĵoj, sekvantaroj, la sonoriloj de ĉiuj preĝejoj vibrigis la aeron, kaj sur la monto Salevo mem brilis la salutfajroj. Je la fino de l' sama vespero la kongresanoj kunvenis por la tradicia interkoniĝo en la Promenejo de la Bastionoj. La Asocio por la Interesoj de Ĝenevo honoris la kongresanojn per dekoracia lumigo de la ĝardeno. Sub la serena lumo de lampionoj kaj bengalaj fajroj, ĉe la sono de koncerto oni pasigis la agrablan vesperon, kiu prave estas nomata unu el la ĉefaj aranĝaĵoj de niaj kongresoj. Ĉar ja la ĉefa celo de la universalaj kongresoj estas: kunligi la dissemitan samideanaron en amikan rondon. Tio estis pli facila dum la lasta kongreso, pro la malpli alta nombro de la partoprenantoj. Por granda parto de la kongresanoj tiu vespero estas pli ĝuste nomebla: revidiĝa vespero, por tiuj, kiuj la interkoniĝon havis en pasintaj kongresoj.

Parto de la kongresanoj pasigis la vesperon ŝipveturante sur la lago, por ĝui la vidaĵon de la iluminita urbo kaj artfajraĵojn super la lago.

La dimanĉa antaŭtagmezo — kiel kutime — estis dediĉita al diservoj.

La katolika diservo okazis je la 9a horo en la preĝejo de Nia Sinjorino. Dum la meso esperantlingve predikis prof. *Modesto Carolfi*, klarigante la gravan rolon de la komuna lingvo por la morala progreso de la homaro kaj ekzamenante la eminentajn kvalitojn de Esperanto por plenumi tiun rolon.

Por la protestanta diservo je la 11a horo granda aro da kongresanoj kunvenis en la malnova historia katedralo de Sankta Petro. Post orgenludo de prof. Felix Pommier predikis S-ino *Margareto Blaise*. Ŝi havis la grandan honoron esti dua virino, kiu predikis el la katedro de *Calvin* mem. Ŝia parolado, laŭ la unuanima juĝo de la ĉeestintoj, estis admirinda kaj tre kortuŝa. Parolis ankoraŭ S-ro *R. Horner*, salutante la kunvenintojn.

Dum la dimanĉa antaŭtagmezo okazis ankaŭ kunveno de framasonoj en la ejo de la strato Bovy-Lysberg.

Por la posttagmezo la programo anoncis promenadon kaj koncerton en la parko „Eaux-Vives". Sed pluvo malebligis tiun aranĝon kaj anstataŭ ĝi la kongresanoj kunvenis por aŭskulti koncerton en la kongresejo.

Dum la sama tempo okazis kunsido de K. R., en kiu oni fiksis la tagordon de la solena malferma kunsido kaj la parolvicon de la reprezentantoj.

La solena malfermo de la kongreso, kiun detale priskribas la oficiala protokolo, estis vere plej grava momento de la tuta

kongresa semajno. La reprezentantoj de la ŝtataj kaj privataj institucioj, anoj de diversaj rasoj kaj nacioj, belaj paroloj kaj altaj sentoj, majesta lukso de l' ejo kaj solenaj akordoj de l' orgeno, ĉio harmonie kontribuis al la granda impreso, ĉio atestis pri tio, ke estas gravurata la nova paĝo por la historio de l' homaro sin komprenanta.

* * *

Lunde oni laboris laŭ la programo; en la Kemia Lernejo, kie daŭris la prelegoj, en la oficejo de UEA, kie kunsidis la komitato de UEA, en la „Palais Electoral", kie konsiliĝis la Lingva Komitato. La Somera Universitato havis neatenditan sukceson; krom la suprenomitaj personoj en ĝi prelegis: D-ro *J. C. Flügel* el London pri la psiko-analizaj temoj, kolonelo *V. Inglada* pri la sismologio, D-ro *J. Dietterle* pri esperanta sintakso kaj instruado, D-ro *Spielmann* pri la poŝto kaj telegrafo, S-ro *R. Horner* pri la Ruĝa Kruco, S-ro *Tarelli* pri la Internacia Laboroficejo, kaj fine D-ro *Privat* pri la Ligo de Nacioj.

Sendube ĉiu kongresano longe kaj agrable memoros pri tiu kvieta posttagmezo, kiam la granda blanka ŝipo, ornamita per esperantaj kaj diversnaciaj flagoj, promenigis ilin sur la multfoje prikantita Lemano. Al tiu ekskurso ĉio favoris: vetero kaj humoro estis bonegaj. Dum la ŝipo preterpasis unue la francan bordon ĉe Yvoire, Thonon, Evian, preskaŭ ĝis Montreux, kaj returne la svisan bordon ĉe Vevey, Lausanne, Morges, Rolle, Nyon, la ekskursantoj ne povis reteni la esprimon de l' admiro kaj raviĝo. Komence fekundaj kampoj bone kulturitaj, vico da somerloĝejoj ĉarme sidantaj sur la laga bordo, poste la francaj banlokoj kun siaj luksaj domaroj, la alpa montaro, sunbrilaj deklivoj kun vinberplantaĵoj, en la malproksimo la neĝkovrita Blanka Monto, sube la plej pura bluverda akvo de Lemano, kaj supre serene ridanta ĉielo: jen la konvena kadro de la gaja ŝipo, kiu kredeble neniam ĝis nun portis en si popolon tiel kompreneman al la admirinda harmonio inter naturo kaj homa kulturo, popolon, en kies koro jam kreiĝis spirita regno sorĉa kiel la bordoj de la Ĝeneva lago.

Koncerto sur la ferdeko pelis multajn al dancado. En la kajuto la membroj de la Centra Komitato kunsidis por gravaj diskutoj. Ne perdis sian tempon la subskrib-kolektantoj kiuj tie abunde rikoltis aŭtografojn. Amikaj babiloj kaj aferaj interparoloj ne ĉesis dum la tuta lagirado, kaj oni povis eĉ rimarki, eble kun bedaŭro, iun sinjorinon kaj iun sinjoron, kiuj fervore verkis iajn raportojn ne rigardante al la belaj ĉirkaŭaĵoj, kiuj ĉiuminute aliiĝis kiel bele kolorita film-panoramo.

Sed ni ĉesu malkontenti pro tio, komprenante, ke la bonega marŝo kaj baldaŭaj sukcesoj de la movado riĉe rekompencos pro tiu kaj similaj oferoj. En la ŝipo dum la veturo kunsidis ankaŭ komitato de komercistoj, kaj ni esperas baldaŭ vidi, kiaj decidoj inspiriĝis al ili dum tiu ĉarma ekskurso.

Post longa promeno la ŝipo revenis Ĝenevon ĝuste por la vespermanĝo. Liberan horon restintan ĝis la balo uzis la nelacigebla S-ro R. Horner por fari bonegan paroladon kun lumbildoj pri la kristanaj movadoj en la domo de la Asocio de la Kristanaj Junuloj (Y. M. C. A.).

En la Ĝeneva kongreso reviviĝis la tradicio de la internacia kostumbalo. Ĝi kunvenigis lunde vespere la kongresanaron en la salonego de la kongresa palaco. Agrabla kaj longe memorota surprizo atendis tie. Belaj Ĝenevaninoj vestitaj per pentrindaj svisaj kostumoj kaj urba konsilisto akompanita de du solene vestitaj ŝtataj liktoroj, prezentis ĉe la enirejo al ĉiu sinjorino kaj fraŭlino la saluton de la urbo Ĝenevo: belan florbukedon. Paŝon pli interne la membroj de la Centra Komitato — S-ino *Isbrücker*, S-roj *Privat, Dietterle, Hromada* kaj *Rollet de l' Isle* — akceptis ĉiun gaston aparte per solena manpremo. Ĝi ja bone konvenis al la spirito de la Ĝeneva kongreso: amika intimeco en la universala familio kaj atenta, ĝentila trakto al ĉiu kongresano, bedaŭrinde neebla dum la lastaj tromultnombraj kongresoj, kie la kongresanoj vole-nevole iĝis ofte nur ciferoj.

Oni ne miru, se post tia agordo kelkaj kongresanoj trovis la muzikon ne sufiĉe vigla kaj la plankon ne sufiĉe glata por sia dancemo.

Pasis do tie gaja nokto. Gesinjoroj, kvankam ne tre multaj, plaĉe sin ornamis per belaj naciaj kostumoj. Inter ili oni vidis rimarkindajn kostumojn svisajn, ĉeĥoslovakajn, de la svisaj kantonoj Genève, Vaud, Bern, Appenzell, nederlandajn, hungarajn, rumanajn (de sinjorinoj de la Ligo de Nacioj), eĉ meksikajn kaj japanan.

Interamikiĝo, kora intimiĝo, bone marŝis kaj praviĝis la rimarko de meditema amiko: jen kiel balanciĝas la lulilo de l' nova homaro.

Marde matene, je la 9a kaj duono, okazis la senbrua, sed plej grava akto de la kongreso: grava komuna kunsido de la Internacia Centra Komitato (C. K.), Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K. R.), Komitato de UEA kaj Lingva Komitato (L. K.), en kiu tiuj gvidantaj institucioj de nia movado diskutis kaj decidis pri la faritaj kaj farotaj laboroj. La ĉefa amaso da kongresanoj ĉeestis dum sama mateno la prelegojn de la Universitata Semajno, kaj dum posttagmezo la fakajn kunsidojn en la Komerca Lernejo. Vespere la labora ĝenerala kunsido, kies raporto estas trovebla sube en ĉi tiu numero.

Merkrede oni laŭprograme laboris antaŭ kaj post la tagmezo, krom tiuj, kiuj forflugis al Chamonix aŭ al aliaj dolĉaj lokoj de l' Svislando.

Vespere la prezentado en la Granda Operejo de Ĝenevo. La „Ginevra", jam bone konata laŭ la apartaj eldonoj kaj la gazetaj artikoloj, estis arte prezentita de la geaktoroj el Nürnberg kaj Budapest. Multaj estis mirigitaj de tiu fakto, ke la elparolo aŭdata de l' scenejo estis treege klara, ĉiu vorto estis tute bone distingebla, pli bone ol oni ĝenerale aŭdas la naciajn aktorojn. Ne estas nia tasko doni la teatran recenzon pri la ludo, tion diru la fakuloj, sed la impreso de la plimulto estis, ke la prezentado havis seriozan fakan preparon kaj indan scenejon kun la dekoracia aparato. S-ro *Julio Baghy* sin montris ne nur kiel impresa lerta aktoro en la malfacila rolo de la perfidulo Modred, sed ankaŭ kiel plej talenta reĝisoro, ĉirkaŭante la tutan dramon per sceneja kaj muzika atmosfero, kiu bele riĉigis la prezenton. Sinjorino *Starke* aktis noblan kaj simpatian reĝinon kaj altiĝis al tragedia potenco en la fina sceno. S-ro *Starke* prezentis reĝon tre dignan en sia turmento, S-ro *Saroŝi* elokvente ameman kaj eĉ poezian adoranton de la reĝino, S-ro *Kesik* fieran kavaliron. Deklamado kaj kantoj de S-roj *Baghy* kaj *Sarossy* elvokis meritītan aplaŭdon, kaj la publiko, forlasante al teatron precize je la 11a, iom bedaŭris, ke „la bela sonĝo" jam finiĝis kaj ke oni revenu al la realaĵo.

Ĵaŭde matene parto de l' kongresanoj naturemaj foraŭtis al Chamonix, dum la plimulto iris al la Palaco de la Ligo de Nacioj, kie D-ro *E. Privat*, en la plenplena Vitra Salono, paroladis pri la strukturo kaj funkciado de tiu gravega institucio. Posttagmeze la fakaj kunsidoj. Vespere la solena ĝenerala kunsido por la memoro de Zamenhof, kaj la fermo de la kongreso.

Tra la pasado de la jaroj oni pli kaj pli klare rimarkas, ke la esperantista movado estas rezultato de du potencaj faktoroj harmonie kunagantaj: unu estas la genia lingvo mem kaj la alia la nobla persono de la aŭtoro: Zamenhof. La lingvo sola estas nur materiaĵo, mekanikaĵo, kiu restus simpla objekto muzea, se ia spirito ne blovus en ĝin animon, por igi ĝin

movado. Ni posedas movadon dank' al la konstanta kaj forta inspirado de la Zamenhofa spirito. Konsciiĝi pri tiu inspiro kaj plifortigi en nia movado tiun gravegan moralan faktoron, montriĝis al la Kongresa Komitato ŝatinda tasko. Tio klarigu tiun novan kongresan aranĝon, espereble sekvotan, de Zamenhofa Memorfesto. Ĝi okazis kiel lasta akto de la kongreso, ĵaŭde vespere en la Victoria-Hall. Kun piaj sentoj kolektiĝis la kongresanaro por aŭdi indajn parolojn pri tiu granda heroo de la lumigo kaj eduko de la homaro. *C. S.*

---

# ★ XVII. Universala Kongreso de Esperanto ★

*Genève, 2—7 Aŭgusto 1925.*

## Oficiala protokolo.

### Solena malferma kunsido

la 2 aŭgusto en Victoria Hall.

Je la 8,30 h. dum orgena preludo eniras la kongresaranĝintoj. Starante la gekongresanoj kantas la himnon, akompanatan per orgenludo de S-ro Prof. Pommier de Genève.

S-ro *Ed. Stettler,* honora prezidanto de UEA kaj eksprezidanto de Svisa Esperanto-Societo, malfermas la kongreson kaj sin turnas al la kongreso per jena parolado:

Tre estimataj invititoj,
Karaj gesamideanoj,

Laŭ peto de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado mi malfermas la XVII-an Universalan Kongreson de Esperanto. Dankon al la estimataj reprezentantoj de estraroj kaj societoj nin honorigantaj je sia ĉeesto, varman saluton al vi esperantistoj, kiuj el multaj landoj alvenis Ĝenevon, por montri vian fidelecon al la lingvo, fiksi la direkton de nia movado kaj por renovigi malnovajn amikajn sentojn. Estas granda honoro por malgranda Svislando, kiam la trian fojon ĝi povas gastigi la samideanaron inter siaj montoj. En 1906, do antaŭ preskaŭ 20 jaroj, okazis en Ĝenevo la dua kongreso, manifestacio jam preskaŭ malaperinta el via memoro, tamen grava en la historio de nia movado. Ĝi estis la konstrua kongreso kiu realigis en firmaj formoj la ĝeneralajn ideojn esprimitajn en Boulogne s. Mer. Kelkaj aranĝoj kaj institucioj tiam en Ĝenevo kreitaj fariĝis la organiza bazo de la movado ĝis la milito. Kiel memorajon ni citu la deziresprimon, ke en neniu kongresa kunsido oni uzu alian lingvon ol Esperanto. Plie ni memoru pri la akceptita propono de S-ro Carles por la kreado de esperantistaj konsulejoj, propono al kiu tamen la kongreso ne aljuĝis grandan valoron, sed kiu poste, dank' al S-ro H. Hodler, fariĝis la fundamenta ŝtono de UEA. Pli antaŭen vidanta ol la tiamaj kongresanoj estis nia Majstro, kiu al la invito por la kongreso respondis la jenon: „Svisujo, kiu ne havante ian nacian lingvon, estas la plej neŭtrala lando en la tuta Eŭropo, estas la plej bona loko por kongreso neŭtrala homa, kaj mi esperas, ke tie la esperantistoj sentos sin bonege. Mi eĉ antaŭvidas, ke venos iam la tempo, kiam Svisujo fariĝos la natura konstanta centro de la tuta esperantistaro."

Alian karakteron havis la dua kongreso en Svislando okazinta en Bern en 1913 sub la nomo: La Naŭa. Tiam la movado floregis, oni vidis la ĉielon plenan je rozkoloraj esperoj kaj ne dubis, ke niaj pacemaj ideoj ekgajnos iom post iom la homaron, reunigante la popolojn al frata kunlaboro. El tiu spirita stato estas kompreneblaj la tiama komplikeco de niaj estraroj, la troeco de la gazetoj, la klopodoj internaciigi la monon, la poŝtmarkojn, la paperformatojn, kiel aliaj proponoj pli-malpli celantaj reformi la mondon. Bela epoko de la esperantista junaĝo! Tro multe ni aludis samtempe, sed neniel ni fariĝis ridindaj, ĉar sincera estis nia entuziasmo kaj serioza la laboro.

Kia estas la nuna kongreso?

Se iu povus forgesi la sangan strekon, kiun la mondmilito tiris sub la antaŭaj iluzioj, tamen la relative malgranda nombro de kongresanoj lin memorigas pri la ŝanĝo de l' tempoj. Feliĉe ne mankas al nia movado grandanaro de adeptoj, sed mankas al la plimulto de ili la ekonomiaj rimedoj por superrampi la baron de la monkurzo, baro staranta inter la nacioj, kvazaŭ ŝtona muro, kiun nur la penadoj de pluraj generacioj povas forigi. Ni scias, ke multaj miloj da esperantistoj partoprenas en la koro nian hodiaŭan feston. Kun danko por ilia simpatio, ni, la feliĉuloj, pensu je ili.

La nuna situacio similas tiun de la Haga kongreso, kiu estis la unua postmilita, relative malgranda, despli bone sukcesinta. Hago kiel la sekvintaj kongreslokoj kuŝas dekstre de la Rejno, dum per la Ĝeneva kongreso ni transiris al ĝia okcidenta bordo. Ke tiu paŝo estu por ni feliĉa simbolo! Kiel el la svisa montaro fluas riveroj en ĉiujn grandajn marojn ĉirkaŭ-eŭropajn, tiel elfluas el la Ĝeneva kongreso al nordo kaj sudo, okcidento kaj oriento la Zamenhofa ideo de la interpopola kompreno.

Specialan karakteron ricevis la nuna kongreso kaj la tielnomita Viena rezolucio, kiu unuflanke konstatas, ke la novaj oficialaj institucioj nun funkcias, kaj aliflanke rekomendas al la kongresoj, ne plu ŝarĝi la tagordon per organizaj problemoj. Tio do volas diri, ke la ovo de Kolombo estas trovita, sekve oni ne difektu pliajn ovojn por refari la eksperimenton. Starinte multajn jarojn en la mezo de la diskutoj pri la organizo, oni permesu al mi esprimi lastan saluton al tiu plej dorlotita temo de la ĝisnunaj kongresoj. Kun vi mi deziras al ĝi profundan kaj longan ripozon. Tute mortinta ĝi ne estas, ĉar moviĝas la mondo kaj ĉiam ekstaros novaj bezonoj. Forigante la ĉefan temon aŭ amuzilon de la kongresoj, la Viena decido ne sole frapis truegon en niajn kutimojn, sed puŝis niajn kongresojn en novan direkton. La disponebla tempo devis esti uzata aliamaniere. Flanke de la fakaj problemoj kies pritrakto helpas al la valoro de la kongresoj estis necese trovi aron da novaj ideoj, indaj je ĝenerala atento. La Ĝenevaj organizantoj do metis en la centron de la kongreso la sciencon en formo de Somera Universitato. Ĉi tiu admirinda entrepreno plene sukcesos kiel ĝi meritas. Ĉu ŝanĝoj montriĝas utilaj, tio estus malpli grava ol la principo, nome, ke la esperantistoj forlasas sian izolecon por repreni la spiritan kontakton kun la mondo. De nun niaj propraj administraj financaj kaj propagandaj zorgoj okupigos nur relative malgrandan spacon en la kongresa programo. La alia tempo estos dediĉata al scienco aŭ arto aŭ al iuj ajn internaciaj kaj neŭtralaj problemoj. Rezignante je troa okupo pri ni mem ni gajnos je universaleco. Ju pli ni rilatos kun aliaj celanoj, ju pli ni pruvos la ĝeneralan uzeblecon de nia lingvo, despli bone ni progresigos niajn proprajn ideojn.

Fine estas nek nia intenco nek tasko pritrakti la movadon dum la pasinta epoko. La multaj faktoj de la kongresa dokumentaro pruvas, ke la jaro estis bona. Ankaŭ la ĉeesto de tiom multaj reprezentantoj de registaroj kaj gravaj societoj montras publike la estimon kiun Esperanto akiris ĉe oficialaj rondoj. Sen malprava optimismo ni rajtas konstati, ke la esperantista movado reprenis relative rapide sian forton post la milito, ke ĝi estas interne sana kaj havas ŝancojn al bela prospero. Ni daŭru labori alligante al la esperoj prudentan paciencon.

Same kiel la Berna kongreso ankaŭ la Ĝeneva kongreso ne estis decidita de la Svisa Societo pro nepra volo havi kongreson,

sed hezite akceptita pro sento de morala devo, ĉar ne anoncis sin alia lando. La nuna kongreso malfermiĝas sub favoraj aŭspicioj Estu bonvenantaj en Ĝenevo, karaj ĝesamideanoj! Ĝuu la belecojn de la urbo kaj lando, kunhelpu al sukceso de la kongreso, vizitante la kunvenojn, unuigu en la koroj la sanktan fajron de via entuziasmo por nia kara lingvo kaj ĝia interna ideo. (Granda aplaŭdo.)

S-ro Stettler dankante pro la granda aplaŭdo poste donas la parolon al la oficiala delegito de la Svisa registaro S-ro André Oltramare, ĉefo de l'Departemento de Publika Instruado de la Ĝeneva Respubliko, kiu en franca lingvo faras elegantan kaj treege elokventan paroladon, kies traduko en Esperanto sekvas tie ĉi:

Sinjoro Prezidanto, Sinjorinoj kaj Sinjoroj,

Rolo ne tute glora estas donita al mi ĉi-vespere. En via kunveno, kiu antaŭiras la tempon, mi estas — pro la sola fakto, ke mi min esprimas france — la kontraŭvola reprezentanto de civiliza ŝtato, preskaŭ kaduka, mi sentas min iomete kiel tiu barbaro, kiu, en la antikvo, sur la teatra scenejo de Roma foire placo devis paroladi en sia idiomo por eksciti la scivolemon de l'popolamaso juste fiera paroli universalan lingvon.

Vi konas mian senkulpigon: mi reprezentas ĉi-tie la malgrandan landon, kiun vi elektis por via interrenkonto: konvenas, ke mi plenumu miajn oficialajn devojn, salutante, kvazaŭ de l'ekstero, tio estas en la nacia lingvo, la defendantojn de la lingvo internacia.

La Federala Konsilantaro de la Svisa Konfederacio kaj la Regna Konsilantaro de la Ĝeneva Respubliko faris al mi la honoron min deleginte por esprimi la plej varman deziron de la bonveno al ĉiuj partoprenantoj de la Deksepa Universala Kongreso de Esperanto.

Ĝenevo tute ne estas granda urbo, sed ĝi fieras esti, depost tre antikva tempo, la gardanto de grava ponto en la historio kaj la civilizo. Tie ĉi oni ne vidas transportatajn trezorojn, nek amasiĝantajn varojn de la novaj mondoj. Ne. Sed ĉi tie pasas jam dum jarcentoj la novaj ideoj, kiuj disvastiĝas en Eŭropo al la nordo aŭ sudo, al la oriento aŭ okcidento; ĉi tie interŝanĝiĝas la opinioj, kiuj iom post iom konkeras la mondon... Depost kelkaj jaroj tiu historia rolo estis rekonita pli universale, ĉar ĝuste en nia civito la homaro alcentrigas nun siajn zorgajn penojn por liberiĝi de sia plej pereiga malvirto: la internacia malkonkordo.

En la urbo de la Ligo de Nacioj vi devas vin senti hejme. Ĉiuj kiuj persone penadas por lerni universalan lingvon, kiuj dediĉas siajn fortojn al la propagando de la movado esperantista pruvas, ke ili mem posedas veran internacian spiriton. Tridek jaroj da vivo kaj da sukceso elmontras, ke ne plu temas pri ia utopio, sed pri realaĵo tute praktika. Via nombro mem en ĉi tiu halo, kie vi estas venintaj el ĉiuj partoj de la terglobo, materie atestas pri la progreso de via paca militiro! Kio restas farota, por ke la venko estu definitiva? Necesas la organizita instruado de la helplingvo.

Dujara eksperimento estis farita en Ĝenevo en la lasta klaso de niaj elementaj lernejoj. Ĝi plene sukcesis, pruvinte, ke la infanoj povis senpene sin servi per Esperanto, post kelkaj monatoj da laboro. Ili trovis plezuron en tiuj lecionoj, kaj dank' al la studo de gramatiko kiom plej eble logika kaj simpla, ili pli facile lernis alian lingvon. Tiu konstato ne estas mirakla. Oni ne povas senpere enmemorigi al infano ĉiujn esceptojn kaj nelogikaĵojn de natura idiomo. La pedagogiaj necesoj devigas eĉ tiun, kiu instruas klasikajn aŭ modernajn lingvojn, uzi provizoran simpligadon, absolute artefaritan. Esperanto kies ĉiuj esprim-rimedoj estas simpligitaj ĝis la ekstremo, povas havigi la okazon de tre utila prepara ekzercado pri la logika lingva mekanismo. Oni volis kontraŭstarigi al ĝi la latinon. Estas specialisto, kiu al vi parolas; post dudekjara laboro mi ankoraŭ ne estas certa, ĉu mi konas ĉiujn riĉaĵojn de tiu mirinda kaj senfine komplikita lingvaĵo. La latino estas unu el la plej belaj kolektivaj kreaĵoj de l'homaro; oni ĝin devas studi kun sola celo de grandega psika pliriĉiĝo, kiel oni edukas sian spiriton per la admirega konsiderado de senmortaj ĉefverkoj de la pasinto; proponi fari el ĝi praktikan universalan lingvon, tio estus same kiel voli kun malpieco transformi majestan preĝejan bazilikon en halon de fervoja stacio.

Por la komercistoj, kiuj postulas pli ŝparajn publikigilojn kaj kiuj volas korespondi kun klientaro dissemita en regionoj, kie la ĉefaj lingvoj estas tute ne konataj, por la turisma disvolvo, por la disvastigo de la scienceaj eltrovoj, estas necesa lingvaĵo perada, estas necesa „la lingvo helpa", kiun vi proponas. La devo de ĉiuj kiuj sincere volas la homan progreson, estas favori viajn penadojn.

Permesu, ke mi donu al vi praktikan konsilon. Por fini vian konkeron agu per etapoj kaj evitu krei miskomprenon. La organizota instruado neniel devas malutili al la patrinaj lingvoj, aŭ eĉ al la klasikaj kaj fremdaj lingvoj. Esperanto sin limigu al la rolo de vera helpilo por la aliaj esprimaj rimedoj. Ĝia lernado estu unue proponita nur al lernantoj, kiuj povas plej bone kompreni ĝian utilecon por si mem. Mi aprobas do, senkondiĉe, la rezolucion de la lasta Pariza konferenco, kiu postulas „ke Esperanto estu devige instruata en la komercaj lernejoj de la tuta mondo". Per tio oni devas komenci. Ĉu ne estas eble, ke la entrepreno estu provata samtempe en multaj landoj? Mi tion ne kredas. La regna konsilantaro de la Ĝeneva ŝtato komisiis min sciigi al vi, ke se vi opinias la momenton taŭga, ĝi estas preta sugesti al la federacia registaro la kunvokon de internacia konferenco pli oficiala ol tiu, kiun iniciatis en 1922 la instituto J. J. Rousseau en Ĝenevo.

Ni deziras kunlabori por ĉiu kolektiva penado celanta fari la Ligon de Nacioj pli simila al tiu mirinda idealo, kiun la homaro konceptis je la fino de l' milito. Nun en Ĝenevo oni studas la kreadon de l' internacia universitato, kie la problemoj de l' internacia politiko estus studataj kun la plej serena senpartieco; ĝi estus feliĉa povi helpi al vi en la disvolvo inter la homoj de la nova rimedo por reciproka komprenado.

Vastigi la instruadon de Esperanto estas eble unu el la plej praktikaj metodoj por prepari junularon, kies aspiroj estus tute direktataj al la paco.

Mi kredas, ke ne estus tre malfacile atingi interkonsenton pri tiu pedagogia organiza problemo. Eĉ se en la komenco ne stariĝus la unuanimeco, tamen la bona volo ne estus paralizita de malfido: ne temas ĉi tie senarmiĝi antaŭ ol la aliaj, sed male — armiĝi pli bone ol la aliaj por la paco.

Se la komerca instruado estus konkerita, la metiaj lernejoj tuj sekvus, kaj la venonta generacio profitus el la plej granda homa progresaĵo, kiun oni povas imagi.

Ne nur per la diplomataj konferencoj aŭ la spertulaj kunsidoj povas firmiĝi la eŭropa paco. Sola la publika opinio estos sufiĉe forta por devigi al la definitivaj formuloj kaj senkaŝaj konvencioj. Por tio necesas, ke la popola konscio estu iom post iom konkerata al la idealo plene pacifista. La esperantistoj formis, apud la Ligo de Registaroj, ĝermon de la Ligo de Popoloj, disvastigatan en ĉiuj landoj, medioj kaj profesioj. Ili transdonas al la aliaj homoj la deziron sin koni pli bone, ili mem starigas tra la mondo kontinuan reton da personaj rilatoj, ili luktas kontraŭ la antaŭjuĝoj persistaj, kontraŭ la malamoj krimaj kaj mortigaj.

Mi vin gratulas pri tio, ke vi tiom bone komprenis la grandan devon, kiu necesiĝas nun al la homoj vere civilizitaj, kaj mi deziras, ke via kongreso en Ĝenevo progresigu la aferon de Esperanto, kiu estas samtempe la afero de l' paco.

Vigla aplaŭdo sekvas tiun belegan paroladon promesoplenan. S-ro Stettler resume tradukas ĝin en Esperanton kaj atentigas speciale pri la promeso de S-ro Oltramare, kiu deklaras, ke la ŝtata konsilantaro de la respubliko de Ĝenevo estas preta sugesti al la Federaciaj Aŭtoritatoj la kunvokon de internacia konferenco pli oficiala ol tiu de la jaro 1922 pri deviga instruado de Esperanto en Komercaj Lernejoj.

S-ro Stettler korege dankas pro la promeso, esprimas dankŝuldon al la Svisa Konfederacio, la registaron kaj urbon de Ĝenevo kaj proponas al la kunsido la elekton de l'sekvanta kongresa estraro:

Prezidanto: D-ro *Privat*, Genève
Vicprezidantoj: S-ro Prof. *Bovet*, Genève
„ *Ed. Stettler*, Bern
„ *Th. Cart*, Paris
„ *R. Hromada*, Praha
„ *E. Legrand*, Montevideo
„ *J. Merchant*, Sheffield
„ *K. Niŝimura*, Ajabe, Japan.
„ D-ro *Vogt*, Stuttgart
„ *J. M. Warden*, Edinburgh

Ĝeneralaj sekretarioj: S-ro *Rob. Kreuz*, Genève
„ *H. Jakob*, „
„ *Chas. Edmonds*, London
Sekretarioj: S-ro *A. Ĉe*, Genève
„ *G. Stroele*, Neuchâtel.

La kunsido per aklamo esprimas sian konsenton al la propono. Sub aplaŭdo prenas sur sin la prezidon D-ro Privat. Entuziasme la ĉeestantoj aŭskultas lian kongresan paroladon:

Gefratoj ĉiulandaj kunvenintaj en Ĝenevo, el tuta koro mi salutas kaj bonvenigas vin en nia urbo.

Hodiaŭ vespere kelkaj, eble eĉ multaj el vi memoros, ke en tiu ĉi sama granda salono antaŭ preskaŭ 20 jaroj sonis ĉi tie je la sama horo la voĉo amata de nia Majstro D-ro Zamenhof. Tio estis en 1906 post la teruraj progromoj, kiuj sekvis la unuan rusan revolucion de 1905. La okuloj de nia Majstro, tiu granda idealisto kaj pacifisto, estis ankoraŭ plenaj de la teruro de tio, kion oni vidis en la stratoj de lia naskiĝurbo Bialystok, kie homoj kruele sin ĵetis kontraŭ maljunuloj kaj virinoj, ĵetis infanojn, disbatis loĝejojn kaj butikojn. Tremis la voĉo de nia Majstro kaj mi ankoraŭ memoras kun kia akcento li diris al ni: ni ne devas kulpigi iun ajn nacion aŭ popolon, ni devas kulpigi unu ĉefaferon kaj tio estas la mallumo, kiu regas kaj kiu ebligas, ke blinda incito povas ĵeti homojn unu kontraŭ la aliaj en tia besta kaj sovaĝa maniero. Ĉesu mallumo, rompante la murojn inter la popoloj, donu la lumon de la interkompreno, donu la lumon de la interkonatiĝo kaj amikiĝo rekta, tio estis la vortoj de Zamenhof en la Ĝeneva kongreso. Kaj kiam mi rememoras pri tio ĉi, mi pensas ankaŭ pri ĉiuj geniuloj, kiel li, kiuj ĉiam ŝatis kaj klopodis, ke en tiu ĉi mondo oni alportu lumon. La lumo estas tio, al kio sin turnas en arbaro la kreskaĵoj kaj arboj tordiĝante kaj luktante unu super aliaj por akiri iom da spaco kaj ricevi lumon de la hela suno, kiu donas al ili la vivon kaj la sangon.

Grandaj homoj en tiu ĉi mondo ĉiam laboris por la lumo. Pli da lumo! tio ja estis la lastaj vortoj de Goethe kaj tion volis nia Majstro. Li volis, ke ĉesu tiu sistemo de sovaĝa mallumo, en kiu la homoj povas ignori kaj malami unu la alian pro nura nescio kaj nekompreno. Kaj pri tio en la Ĝeneva kongreso li parolis al ni tute intime kaj tute malkaŝe pri la movado, kial li ĵetis en la mondon la malgrandan semon Esperanto, tio estis lia kaj nia celo, nia interna ideo. Antaŭ kelkaj dudek jaroj, antaŭ la kongreso de Ĝenevo en 1906, ekzistis esperantistoj, kiuj cetere jam de longe forlasis niajn vicojn kaj kiuj riproĉis al la Majstro, ke li tro sin okupas pri idealo, ke Esperanto devas esti nur gramatiko kaj ke ni ne devas kun ĝi miksi ion alian. Kaj nia Majstro modeste ĉi tie staris kaj diris, jes, oficiale la Esperantomovado estas nura klopodo, ke oni instruu en la lernejoj tiun lingvon helpan internacian kaj ĉiu alia ideo estas privata ideo de apartaj personoj. Ĝi ne estas en la regularo. Sed li tuj aldonis: kio ne estas en la regularo, tion vi ne povas forpeli de mia koro, el la koro de miloj da homoj, kiuj laboras por tiu ĉi granda afero. Li ĉi tie staris kaj ekpremante sian stelon sur la brusto li ekkriis: se nin, la unuajn batalantojn por Esperanto, oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forĵetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto. (Aplaŭdo.) Kaj tio estis la instruo de Zamenhof en la Ĝeneva kongreso en 1906 kaj se Zamenhof povus reveni ĉi tien, hodiaŭ li eble ĝoje konstatus, ke ne plu en la esperantistaro oni aŭdas tiajn riproĉojn kaj ke Esperanto trovas rekonon, rekomendon kaj konfidon, ke tio estas la plej granda afero en nia movado. (Aplaŭdo.)

Sed nun, karaj gesamideanoj, ĉesis paroli jam delonge tiu amata voĉo. Dum la sekvintaj kongresoj ni aŭdis ankoraŭ kelkfoje la Majstron kaj poste la terura milito lin forportis per malsano de koro, malsano de koro samtempe fizika kaj morala. Kaj dum la sekvintaj kongresoj ni ankoraŭ kelkfoje vidis la fidelan amikinon de lia vivo, la fidelan edzinon, kiu per sia paca kaj kuraĝa optimismo lin tre helpis en la vivo kaj kiu ankaŭ devis multe suferi pro tiu malfacila vivo, per tiu sinsekva irado de urbo al urbo, kiam li ankoraŭ estis malriĉa kaj tre klopodanta kuracisto, kiu donis sian tutan tempon al tiu alta idealo. Kaj ankaŭ hodiaŭ tiu ĉarma persono, kiun ni ĉiuj amis vidi en la kongreso, ankaŭ ŝin ni ne plu vidas kaj estas granda ĉagreno por nia kongreso, ke la unuan fojon anstataŭ saluti ŝin, mi devas peti vin, leviĝi en ŝia honoro. (Ĉiuj leviĝas.) Sed nek li, nek ŝi volus, ke niaj kongresoj restu je malĝojo kaj ni devas repreni la vojon de l' vivo. Kore kaj plezure ni salutas la du filinojn de nia Majstro: Sofia kaj Lidja Zamenhof, kiuj faras al ni honoron, ĉeesti la kongreson. Ili vivu! (Granda aplaŭdo.) La memoro al iliaj noblaj gepatroj restos gravurita en ĉiuj niaj koroj, ke ili ambaŭ estas ja bravaj, kuraĝaj junulinoj laborantaj por noblaj kaj belaj celoj. Ni forte danku ilin pro tio kaj ankaŭ ke ili venis al Ĝenevo. (Aplaŭdo.)

Mia amiko, S-ro Oltramare, aludis pri la Ligo de Nacioj, kies sidejo estas ĉie tie en Ĝenevo, kaj li diris tiun tre ĝustan parolon, ke flanke de la Ligo de registaroj, ni esperantistoj, organizas komencon de ligo de popoloj mem, kaj mi dankas lin kore pro tiu ĝusta parolo. Kiam oni volas instrui al infanoj iom por la paco kaj montri, ke flanke kaj supre de patrujo ekzistas io pli vasta, la kolektivo de ĉiuj landoj, estas malfacile klarigi al infanoj pri abstrakta afero. Diplomatio, Ligo de Nacioj, paktoj, kontraktoj, tio estas abstraktaj aferoj. Mankas tie iom da vivo, iom da spirito, por ke la infanoj kaj la homoj, ĉar la homaro estas granda infanaro, havu iel entuziasmon, iom da fervoro kaj senta vibrado pri la tuta afero.

Ofte en Ĝenevo ni kaj la homoj mem en la Ligo de Nacioj havas la impreson, ke mankas ofte la animo en ĝi. Ĝi devas esti prudenta, diplomata, jurista. Ĝi estas ofte abstrakta. Jen, Esperanto alportas ion konkretan. Komparu la internaciecon kun la nacieco. La nacioj havas ne nur la registaron kaj la abstraktan koncepton. La nacio havas la lingvon, la flagon, la himnon, la tradicion. Kion havas la internacio de la Ligo de Nacioj? Ĝi havas nur konferencojn, traktadojn, sed Esperanto havas ĝuste tian elementon konkretan. Ĝi alportas la lingvon. Ĉu vi scias, kio estas lingvo en la koro de homoj? Ĝi estas io tiel forta, ke la tuta oriento de Eŭropo de cent jaroj interbatalas pro la lingvoj. Se ĝi povis fari tiom da malbono, kiom da bono ĝi povus ankaŭ fari? Se ĝi estas helplingvo, homa lingvo, ne por malami unu la alian, sed por interkompreniĝi kaj interamikiĝi, tio estas konkretaĵo. Nacio havas ankaŭ la flagon. Same Esperantismo. Jes, la modestan verdan flagon, kiun ni ŝatas vidi flirtanta gaje en aero. Ĝi parolas pri espero, pri granda espero de l' homaro, pri facila interkomunikiĝo ne nur de la komercistoj, ne nur de la negocoj aŭ scienco, kiuj estas bonaj kaj utilaj, sed ankaŭ de la koroj, de ĝenerala alableco kaj bonvolo inter ĉiuj homoj. Tion simbolas nia verda flago. Longe ĝi vivu kaj flirtu sur domaj tegmentoj aŭ mastoj de ŝipoj kaj disvastigu en la mondo la ĝeneralan spiriton de la reciproka bonvolo, kiu nur povas akceli la veran ligon. (Aplaŭdo.) Kaj la Esperantismo havas ankaŭ la himnon. Kaj mi jam antaŭvidas, kiam la infanoj en la lernejoj leviĝos por kanti la internacian himnon kaj ne nur la nacian. Mi ne parolas pri la naciaj himnoj. Ofte la paroloj ankoraŭ aludas je bataloj, sed jam oni ne plu pensas pri la vortoj, ĉar la mondo marŝas kaj tiuj vortoj pli kaj pli forgesiĝas mekanike. La nacia himno jam progresas al io alia. Ĝi jam ne tiom pensigas al bataloj, sed al la amata lando, al pejzaĝo kara, al ĉio, kion nia popolo faris komune. La internacia himno ne memorigas nin pri milito. Ĝi esperigas pri iu pli bona tempo. Ĝi estas la ĝojiga interkomprenilo de la junuloj, la ĝojo de tiu juneco de l' homaro, kiu nun en tiu ĉi epoko ekscias pri sia kolektiva vivo, kiu klopodas forĵeti la malnovan haŭton kaj iri antaŭen en la lumo al tempo, pli pura, pli luma, ol nia malkonkorda kaj malpaca kaj malbona nuna homaro. (Aplaŭdo.)

Mi opinias, ke la progreso de Esperanto en la mondo estas granda venko de la spirito super la materio. Ĝi estas la mirinda afero, ke per tiu bonvolo, konscienco kaj forto de miloj, dekmiloj, kaj baldaŭ centmiloj da homoj disvastiĝas, viviĝas kaj kreskas tiu lingvo, kies deveno estas la bonvolo. Tio estas mirinda venko de l' spirito super ĉiuj materiaj kaj negativaj fortoj en tiu ĉi mondo. (Aplaŭdo). Esperantismo estas granda aventuro kaj tiu, kiu vidis ĝin de ekstere, eble demandos sin: ĉu tio devas sukcesi aŭ ne? Ni ja scias bone, ke jam, kiam ĝi vivas, ĝi neniam plu povos morti. Ĝi nur povos eterne vivi kaj flori. Ĉiam kreskanta ĝi estas, la juna lingvo de l' estonto, en kiu ni ankoraŭ ne havas la grandajn poetojn, kiujn ni respektas en la gepatraj lingvoj, kiuj parolas al ni pri la grandaj faroj de l' pasinto, kiuj kantas pri ĉio, kion atingis la grandaj aŭ malgrandaj nacioj de l' mondo. Tiu juna lingvo havas tamen jam sian propran rondon de verkistoj. Pri kio ili parolas, pri kio ili kantas? Ĝuste pri tiu nova ekkonscio de l' juna homaro naskiĝanta al ideo de sia propra komuna ekzisto.

Sinjoro Oltramare parolis pri Ĝenevo kiel ponto kie konstante trapasis la novaj ideoj tra la tuta eŭropa historio. Ni mem povas imagi la Esperantismon kiel grandan ponton nun konstruatan de fervora abelaro de pioniroj kaj agemaj laborantoj. Ĝi jam staras konstruite kvankam ne tute finite ĝis detaloj, sed jam oni pasas, iras, veturas sur ĝi bonege kaj flue. Sur ambaŭ flankoj de la rivero staras jen belaj palacoj kaj grandiozaj

kasteloj aŭ temploj reprezentantaj la diversajn malnovajn civilizaciojn. De unu al alia bordo konstante jam oni trapasas, dume la miloj da kunlaborantoj ankoraŭ fortigas la ponton kaj skulptas sur ĝiaj imponaj arkajoj la taŭgan ornamaĵon, kies stilo memorigas la arton de la historiaj konstruaĵoj ambaŭflanke. Vi ĉiuj estas tiuj fidelaj konstruantoj. Nur daŭrigu brave kaj senlace vian laboradon kaj la homaro vin benos!

Hieraŭ, kiam ne nur en Ĝenevo, sed ankaŭ en ĉiuj apudurboj kaj vilaĝoj sonoris la sonoriloj de ĉiuj katedraloj kaj preĝejoj por la unua de aŭgusto, vi eble pensis pri la tago, kiam ne nur en unu lando, sed en la tuta mondo la sonoriloj anoncos komunan feston. Karaj gesamideanoj, tiu ĉi Svislando povas kompreni vin kaj nian belan celadon. La sonorado de la unua de aŭgusto ne plu rememorigas nin tiom akre, kiom niajn prapatrojn, pri la pasintaj venkoj de soldatoj. Ni pensas pri tio, ke tri rasoj malsamaj vivas en tiu ĉi lando pace kaj frate unu apud la alia kun diversaj religioj kaj kun diversaj lingvoj kaj ni preĝas, ke tiuj sonoriloj disvastigu tra la tuta mondo similan spiriton sur flugiloj de nia kara lingvo. Estas ĝojiga fakto, ke multaj junuloj kaj junulinoj partoprenas nian kongreson. Tio ne okazis tiel multe antaŭ la milito. Kaj tiu grandnombra ĉeesto de la junularo en niaj ĉiujaraj festoj estas unu el la plej bonaj signoj de la progreso de nia afero post la milito. Junulinoj kaj junuloj! kiuj ĝuas nun la oran tempon de la dudekjareco kaj baldaŭ komencos vian definitivan karieron, ne rifuzu doni la plej bonan de via vivo al tiu granda afero: Esperantismo. La vivo estas mallonga. Vi devas ĝin plenigi per iu granda celado. Ĉu gvidos vin persona ambicio aŭ profitemo, ĉu via idealo estos fari brilajn karierojn en altaj postenoj, aŭ amasigi en kasŝrankoj grandajn sumojn de papermono, kies valoro cetere fandiĝos iam, kiel nubo, je perdo de la ludoj? Estas por vi plej urĝa, plej nobla alvoko, donacu viajn junajn vivojn al tiu granda batalo paca, kia estas Esperantismo, kaj daŭrigu fidele tiun sanktan laboron, komencitan de nia Majstro Zamenhof, kies voĉon ni ne plu povas aŭdi ĉi tie, sed kies spirito lumigu niajn animojn. (Granda aplaŭdo).

(Laŭ originala stenografaĵo de S-ro *Robert Kreuz*, sistemo Stolze-Schrey).

Grandega aplaŭdo dankas al la elokventa kaj profundsenta oratoro kaj ĉefgvidanto de nia movado. Poste daŭradas la vico de oficialaj paroladoj, el kiuj la unua estas tiu de la vicprezidanto de la Komitato de l' Ruĝa Kruco S-ro P. Des Gouttes, en Esperanto. Akompanas lin aplaŭdite du fraŭlinoj en blankaj roboj kun la ruĝa kruco.

Sinjoro Prezidanto, Sinjorinoj, Sinjoroj,

En via kvalito de civitano de Ĝenevo kaj de bona samnaciano S-ro Prezidanto, vi deziris lasi belan lokon al la Ruĝa Kruco ĉe la solena malfermo de via jara kongreso, kiu nun okazas en Ĝenevo. Vi memoris, ke nia urbo estis la naskejo de la Ruĝa Kruco, ke tie estis kreata la granda kaj mirinda institucio de bonfarado internacia, ke tie la internacia komitato, kiu estas ĝia patrono, apostolo kaj gardisto, konstante kunsidis de post ĝia fondo. Ĝenevo, naskejo de la Ruĝa Kruco, restadas ĝia kunvenejo kaj centro.

La Internacia Komitato havas sian oficejon en Ĝenevo, kaj aŭdigas sian voĉon per alvokoj kaj cirkuleroj por la viktimoj de l' milito aŭ de ĝiaj sekvoj, same kiel por tiuj de la malfeliĉegoj kaj katastrofoj publikaj. Ĝi publikigas ĉiumonate „Revuon" kaj „Bultenon Internacian de la Ruĝa Kruco" kaj ĝia sekretariaro zorgeme respondas ĉiun peton kaj demandon deziratan.

La rilatoj inter Esperanto kaj la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco ne estas nur nuntempaj; antaŭ 19 jaroj, la franca leŭtenanto Bayol, instruisto en la militista lernejo de St. Cyr dediĉis al la internacia komitato de la Ruĝa Kruco sian broŝureton „Esperanto kaj la Ruĝa Kruco", per kiu li montris mirege la utilecon de tiu helpa lingvo por la medicinista personaro de l' Ruĝa Kruco. Li prezentis la broŝureton al nia dua kongreso, kiu okazis en Ĝenevo, kaj oni bone komprenis la tutan fruktoportecon kaj grandanimecon de la ideo.

Ĉe via kvara kongreso de Dresden, la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco delegis S-ron Ad. Moynier, la filon de la unua prezidanto de l' komitato, kiu estis, en 1863, unu el la fondintoj kun Henry Dunant kaj Generalo Dufour. Praktika kaj konvinka montrado de la uzo de Esperanto en ambulanco estis aranĝata kaj S-ro Moynier atentigis en sia raporto pri la unueco de la elparolo, kiu permesas al ĉiuj kompreni ĉiun.

De tiam la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco vidis sekvi al sia unua prezidanto Gustave Moynier sian duan prezidanton, S-ron Gustave Ador, eminenta kaj universale respektata homo, kiu efektive direktas la destinon de la komitato. Li fidele konservas la tradiciojn de larĝeco kaj de vere humana kompato, samtempe ankaŭ tiujn de la absoluta sendependeco kaj de precizaj neŭtralecoj politika kaj konfesa, kiuj havigis al la komitato ĝian forton kaj ĝian brilan aŭtoritaton.

La internacia komitato de la Ruĝa Kruco regule sendis delegiton al viaj jaraj kunsidoj.

Sed internacia helplingvo entenas pli ol simplan instrumenton de ekstera kompreno. Ĝi enhavas mirindan ilon de reciproka interkompreno de penetra ebleco en la diversaj pensaroj, kaj sekve, ilon de internacia alproksimigo, de frata interhelpo kaj paco. La Ruĝa Kruco bone komprenis tion: Ĝi proklamas en la mondo la noblan kaj puran ideon de solidareco internacia en la sufero, kaj de la frateco por la viktimoj de la militoj aŭ de la katastrofoj super kaj trans ĉiuj naciaj landlimoj.

En epoko kiam la landlimoj kaj la distancoj ne plu formas barilojn al la oftaj kaj konstantaj rilatoj inter la popoloj escepte en la ekonomia kampo, kiam kelke da horoj sufiĉas por pasi el lando al alia lando, kiam la sanigista aerŝipo estas preta per rapideco mirinda aŭ por alporti medicinan helpantaron kaj alkonduki la operaciiston al la loko de l' malfeliĉeco aŭ por forporti per rapidaj flugiloj la vunditon al la bandaĝado en fervoja loko, ĉu ni povas pensi ke la homoj en tiu spirito internacia de la plej bona kvalito lasos sin haltigi ankoraŭ longtempe per la diverseco de la lingvoj, kaj ke ili ne universale turnos sin al helplingvo, kiu prezentas tiel simplan rimedon por la interkomprenado rekta kaj sen traduko?

Ne estas necese diri, ke tiu lingvo, celanta permesi la rilatojn inter homoj de ĉiuj landoj, devas neniel anstataŭiĝi al naciaj lingvoj, kiuj estas tiel riĉaj kaj tiel belaj, kies konstanta kulturo restadas necesega.

Post unu aŭ du generacioj oni lernos en la lernejo Esperanton (aplaŭdo) aŭ alian helplingvon ĝenerale akceptitan, kiel oni instruas la aritmetikon. Neniu rifuzos akiri malmultekoste tiun lingvon, perfekta, logika kaj senescepta, kiu similas intelektan monon internacian forigantan multe da baroj kaj evitante multajn malkomprenojn.

Estu tiam certaj, la paco kaj la frateco estos farintaj grandan paŝon inter la homoj. Oni iam diris: „La koroj estas proksimaj al la interkompreniĝo, kiam la voĉoj interfratiĝis" kaj la Ruĝa Kruco, kiu kliniĝas sur la homa sufero, kie ĝi aperas, vidas sian humanan taskon pli facile kaj pli universale plenumita.

S-ro Prezidanto, Sinjorinoj, Sinjoroj, mi salutas en viaj personoj kaj en viaj klopodoj belegan promeson de interkompreno pli bona de interhelpo pli efektiva kaj de frata solidareco pli universala inter la popoloj!

D-ro Privat post tiu impresaj paroloj donas la parolon al la diversaj ŝtatreprezentantoj. Jenaj ŝtatoj sendis oficialan delegiton:

Aŭstrio: S-ro konsilanto *Hugo Haan*, de la ministerio de publika instruado.

Germanujo: S-ro sekreta konsilanto *Gürich*, direktoro de la Kultursekcio de l' ministerio de interno, de germana respubliko, Berlin.

Hispanujo: S-ro kolonelo de l' staba korpuso *Inglada-Ors*, profesoro ĉe la supera lernejo milita de Madrid.

S-ro majoro *Julio Mangada-Rosenörn*, Madrid.

Italujo: Grafo D-ro *Amedo Ponzone*.

Nederlando: S-ro *J. R. G. Isbrücker*.

Polujo: Grafo *Morstyn*, ĉe la Ligo de Nacioj.

Rumanujo: S-ro *Petresco Comnène*, rumana ministro en Svislando.

S-ro *H. Fischer*, Galati, rumana ministerio por komerco kaj industrio.

Ligo de Nacioj: S-ro *Furukaki*.

Sekvis al la ŝtataj reprezentantoj la delegitoj de gravaj internaciaj institucioj.

Parolis S-ro *Tarelli*, reprezentanto de Internacia Laboroficejo, kiu informis pri la ampleksa uzo de Esperanto en korespondado kaj komunikado de I. L. O. ĉe la Ligo de Nacioj.

Krome S-ro generalo *Delcambre* en la nomo de Internacia Meteorologia Komitato Paris kaj de Meteorologia Instituto Reĝa de Nederlando.

Kiel lasta parolis S-ino *Dave H. Morris*, membro de la estraro de International Auxiliary Language Association (Asocio por Internacia Helplingvo) en New-York. (En Esperanto.)

Estimataj gesamideanoj,

El Novjorko mi venis kiel reprezentantino por nova organizaĵo, la Internacia Helplingva Asocio en Usono.

De tiu ĉi nova asocio mi alportas salutojn al la nuna kaj estinta esperantistaro. Ĝi venas el lando kreita de pioniroj kaj iras al unuiĝo de pioniroj, kiuj kuraĝe kreas novan landon de la spirito, regnon en kiu menso povas renkonti menson, neĝenate de la bariloj de diverslingveco.

Mi gratulas vin, mi salutas vin.

Vi trabatis la vojojn, ni nur sekvas kaj klopodas kunlabori kun vi. (Aplaŭdo.)

En Usono la kondiĉoj estas tre malsamaj ol en Eŭropo. Tra tuta kontinento la sama lingvo estas parolata. La konsekvenco de tio estas, ke en la ĝenerala publiko ne estas granda intereso por la helplingva movado. Kaj ekzistas ankoraŭ alia diferenco. Inter Usono kaj Kanado la landlimo estas longa je trimil mejloj. Atento pli kaj pli turniĝas al la fakto, ke sur tiu landlimo estas neniuj fortikaĵoj. (Aplaŭdo.) Pensantaj homoj faris la demandon, ĉu tiu feliĉa cirkonstanco ne estas en certa mezuro la rezultato de l' ekzistado de unu komuna lingvo. Tiu demando stimulas intereson al la helplingva movado kaj la intereso plue kreskas per la kono ĉiam pli vasta de la bezono de komuna lingvo en scienco, komerco, turismo, radio kaj internaciaj konferencoj. Sed la intereso fariĝas la plej forta, kiam oni parolas pri aŭ en Esperanto. (Aplaŭdo.)

En Usono mi havas bonajn amikojn inter esperantistoj kaj mi akiris multajn bonajn amikojn al la afero de Esperanto. Inter la lastaj estas mia edzo kaj miaj ses infanoj. Estis ili, kiuj instigis min, veni Eŭropon tiun ĉi someron. Ili diris, ke mi devas min liberigi dum certa tempo de familiaj respondecoj kaj ke en tiu mia libertempo mi havus la feliĉon ĉeesti Esperanto-kongreson. Unue mi diris ne; mi ne volis forlasi ilin. Sed fine, estante edzino kaj patrino, kiu kredas, ke en la obeado estas ne sklaveco, sed ĝojo, mi sekvis ilian konsilon.

Mi alportas al vi salutojn de ili kaj mi estas ĝoja, ke mi venis, ĉar mi faris al mi multajn amikojn, inter ili via estimata prezidanto D-ro Privat kaj mi havis la sperton aŭdi la karan lingvon parolitan de multaj nacioj. Tiu sperto ne ĉesos ligi nin kune, eĉ post kiam la oceano estos inter ni denove.

Sed ekzistas io pli vasta ol Esperanto, kio nin kunligas. Ĝi estas tiu senkorpa afero, kiu pulsis en la koro de via majstro, tiu nedifinebla io, kion vi nomas interna ideo. (Aplaŭdo.) Mi esperas ĝin realigi tute. Ni ofte luktas kaj grumblas, kvazaŭ ni ne prenus la ideon en niajn proprajn brustojn. Sed ĝi estas tie ĝuste la sama. Ni fidu je ĝi. Ni memoru, ke malsamaj opinioj ne estas neakordigeblaj kun reciproka estimo kaj ke sub diferencoj de nacieco estas unu homeco, ke super Moseo, Mohameto kaj Kristo estas unu Dio. (Laŭ originala stenografaĵo.)

La tuta kunveno vigle aplaŭdas ĉe la fino la varmajn vortojn de la kuraĝa batalantino por progreso de la helplingva movado. D-ro Privat en ĝia nomo esprimas al S-ino Morris la plej koran dankon kaj esprimas la deziron kaj esperon, ke ŝi ankoraŭ ofte venu en nian rondon.

La listo de internaciaj institucioj, kiu sendis delegiton, estas laŭtlegata.

**Diversaj Aŭtoritatoj ktp.**

Internacia Laboroficejo, Genève.
Hispana Ministerio de Poŝto kaj Telegrafo. Madrid.
Reĝa Meteorologia Instituto Nederlanda, Hago.
Svisa Federacia Fervojaro, Bern.
Urbo Bialystok, Polujo.
Magistrato de Magdeburg, Germ.
Urbadministracio de Genova, Italujo.
Urbadministracio de Bratislava (Pressburg), Ĉeĥosl.

**Internaciaj organizaĵoj.**

Asocio por Internacia Helplingvo, New-York.
Centra Oficejo de Medicin-Literaturo, Berlin.
Centra Oficejo de la Cionista Organizaĵo, London.
Eŭropa Federacio de la Societoj de Kristana Aktiveco.
Hispana Ruĝa Kruco, Madrid.
Internacia Asocio por la Voĉdonrajto de l' Virinoj, Genève.
Internacia Federacio de la Remistaj Societoj, Lausanne.
Internacia Komitato de l' Ruĝa Kruco, Genève.
Internacia Konsilantaro de l' Virinoj, London.
Internacia Meteorologia Komitato, Paris.
Internacia Oficejo por la Defendo de l' Indiĝenoj, Genève.
Internacia Oficejo de la Novaj Lernejoj, Genève.
Internacia Pac-Oficejo, Genève.
Internacia Oficejo de Skoltoj, London.
Internacia Konfederacio de Studentoj, Bruxelles.
Internacia Unuiĝo de Helpo al Infanoj, Genève.
Internacia Ligo de Virinoj germanaj por Paco kaj Libereco, Praha.
„Neniam plu Milito", Brita Sekcio.
Tutmonda Asocio de junaj Kristanaj Virinoj, Genève.
Tutmonda Unuiĝo de la Virinoj por Internacia Konkordo.
Internacia Bahai-Oficejo, Genève.
Oomoto-Movado, Ajabe, Japanujo.
Universala Asocio por la Amikaj Rilatoj inter la Nacioj pere de la Eklezio, London.
Universala Komitato de la Kristanaj Unuiĝoj de Junuloj, Genève.
Universala Federacio Antialkohola, London.
Unio de Scienco-Teknikaj Asocioj, Berlin.
Internacio de l' Poŝto-, Telegraf- kaj Telefonpersonaro, Wien.
Danziga Internacia Foiro, Danzig.
Internaciaj Foiroj de Frankfurt a. M.
Foiroficejo de la Specimenfoiroj de Leipzig.

Sekvas poste la impresa vico de salutparolantoj de diversaj landoj kaj nacilingvaj federacioj ktp.

**Listo de parolintoj.**

| | |
|---|---|
| Alĝerio . . . . . . . . . . | S-ino Tiard |
| Aŭstralio . . . . . . . . . | S-ro Feldmayr |
| Aŭstrio . . . . . . . . . | „ Hein |
| Baska Lingvo . . . . . . . | „ Diez |
| Belgujo . . . . . . . . . | „ Schoofs |
| Britujo . . . . . . . . . | „ Boutwood |
| Bulgarujo . . . . . . . . | „ K. Georgiev |
| Ĉeĥoslovakio . . . . . . . | „ Neužil |
| Germana Ligo en Ĉeĥoslovakio | D-ro Bischitzky |
| Danzig . . . . . . . . . . | S-ro Aeltermann |
| Danujo . . . . . . . . . | „ Blicher |
| Finnlando . . . . . . . . | „ v. Frenckell |
| Francujo . . . . . . . . . | „ Eyquem |
| Germanujo . . . . . . . . | D-ro Vogt |
| Hebreoj . . . . . . . . . | „ Olŝvanger |
| Hindujo . . . . . . . . . | S-ro Hazra |
| Ĥinujo . . . . . . . . . | „ Won Kenn |
| Hispanujo . . . . . . . . | „ Mangada |
| Hungarujo . . . . . . . . | „ Baghy |
| Italujo . . . . . . . . . | „ Carolfi |
| Irlando . . . . . . . . . | „ S-ro Meagher |
| Japanujo . . . . . . . . | S-roj Esaki kaj Niŝimura |
| Kataluna Lingvo . . . . . . | S-ro Dalmau |
| Latvio . . . . . . . . . | „ Grot |
| Polujo . . . . . . . . . | D-ro Blassberg |

Rumanujo . . . . . . . . . S-ro Nicolau
Skotlando . . . . . . . . . „ Rae
Sudslavio . . . . . . . . . . D-ro Domac
Turkujo . . . . S-ro Mehmed Huluci Haĝi Mustafa
Urugvajo . . . . . . . . . . S-ro Legrand
Valencia Lingvo . . . . . . . „ Piño

En tiu vico ankaŭ parolas en la nomo de la Unio de Scienco-Teknikaj Asocioj en Germanujo ĝia direktoro D-ro Freitag, Berlin.

Varma entuziasmo regis la solenan malferman kunsidon ĝis la fino. D-ro *Privat* je la fino koregе dankas al ĉiuj ĉeestantoj kaj kun bondeziroj por bonega sukceso de la laboroj fermas la kunsidon je 23.30 kaj eksonis impresa orgenludo de Profesoro Pommier, Genève.

* * *

## Labora Kunsido de la Deksepa Kongreso en Victoria Hall.

Genève, mardon, 5 Aŭgusto 1925.

Prezidas D-ro *Privat*, prezidanto de la Internacia Centra Komitato. S-ro Privat malfermas la kunsidon per atentigo, ke ĝi estas la sola labora kunsido antaŭvidata de la programo de la kongreso.

Laŭ peto de la prezidanto, profesoro Cart, prezidanto de la Akademio, faras raporton por la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio jam aperintan en la kongreslibro.

La kongresanoj aplaŭde akceptas la raporton de profesoro Cart kaj dum prezido de S-ro Stettler, vic-prezidanto de la Kongreso, D-ro Ed. Privat prezentas la raporton de la Centra Komitato. Li akcentas la bezonon por propagando tra la tuta mondo, klarigas la lastan decidon de la Ligo de Nacioj kaj resumas la pozicion de Esperanto kiel klara lingvo por telegraf-aferoj.

Li ankaŭ gratulas pri la sukcesoj diversloke en la kampo de radio, precipe ĉe la Kongreso de radio-amatoroj en Parizo dum pasinta Pasko.

Por la estontaj Kongresoj la Centra Komitato elektis Edinburgh 1926, Danzig 1927 kaj Antverpeno 1928.

Pri teknikaj konferencoj (tiu nova fakto en la esperantista vivo depost la milito) li rakontas pri la Komerca kaj Scienca Konferencoj en Parizo, dum majo 1925. Kun ilia granda manifestacio en Sorbonne kaj ilia rezulto ĉe la Franca Registaro. Tiuj konferencoj, tamen havis bonan influon ne nur en Francujo, sed ankaŭ en ĉiuj landoj de la mondo, kaj la tuta esperantistaro ŝuldas dankon al la Societo Esperanto et Commerce, al S-roj Baudet kaj Nuyts, S-roj Rollet de l' Isle kaj Rousseau kiuj tiom multe faris por la konferencoj.

D-ro *Privat* aludas pri la krompago en kongreskotizoj decidita per la Ĝeneva Kongreso kaj konstatas kun ĝojo ke el dek kongresanoj, naŭ estas samtempe membroj de UEA kaj de nacia societo. Por faciligi ĉion por la Edinburga Kongreso, la Centra Komitato, laŭ deziro de la Komitato por tiu Kongreso ne insistas pri la krompago. Tion ĝi faras ĉar la kongreso en Edinburgh estis jam pridecidita, sed post ĝi oni ne plu havu esceptojn.

Por bone administri ĝiajn aferojn, la Centra Komitato elektis S-ron *Rob. Kreuz* kiel Ĝeneralan Sekretarion kaj S-ron *A. Ĉe* kiel Sekretarion. La kongresanoj aplaŭdas tiujn nomojn.

Dum ĉi tiu jaro laŭ la regularo, du membroj de la Centra Komitato devis esti reelektataj, sed la sorto mem aranĝis la aferon, ĉar S-ro Chavet eksiĝis pro profesiaj devoj kaj S-ro Kenn reiras Ĥinujon.

Por anstataŭi ilin K. R. kaj UEA elektis unue Rollet de l' Isle kaj poste S-inon Isbrücker.

Rilate al financo ĉiam mankas mono al C. K. La enspezo pere de K. R. kaj la subvencio de UEA ne sufiĉas kaj C. K. tial decidis elekti 100 indajn personojn al kiuj oni donos la titolon „Korespondantoj" kaj kiuj pagos al la kaso de C. K. 100 svisajn frankojn jare.

Laŭ promeso donita responde al prava peto de S-ro Warden en Vieno, la C. K. presigis en la kongresa libro la plenan novan statutaron de la esperantista movado. Tiun dokumentaron C. K. poste presigos aparte. S-ro Warden esprimas sian kontentecon pri tio.

Fine, D-ro *Privat* petas, ke oni libere kritiku la laboron de C. K. por ke ĝi bone sciu la dezirojn de la Esperantistaro.

Sekvas S-ro *Blaise*, kiu prezentante la jam aperitan raporton pri UEA, diras ke ankoraŭ oni ne sufiĉe konas la celon de UEA: tial estas necese propagandi ĝin por varbi multajn novajn membrojn. Li citas la ekzemplon de Ĉeĥoslovakio, kie en la fino de la lasta jaro UEA havis 1015 kaj en la fino de julio 1925 jam 1100 membrojn.

Tio devas kuraĝigi ne nur ĉiujn el la nunaj 1400 delegitoj de UEA sed ankaŭ ĉiun membron de UEA en la varbado de novaj membroj. Se ĉiu nuna membro trovas unu novan membron UEA estus en firma stato. S-ro Blaise dankas al brita membro de la kongreso, kiu ĵus donacis al UEA sumon de 1750 svisaj frankoj, krom granda donaco al alia esperantista institucio. Ĉiu simile subtenu la oficialajn instituciojn de Esperanto.

Li finas per danko al la oficistoj kaj precipe al la direktoro, S-ro Hans Jakob, kiu senlace kaj sperte prizorgas la aferojn de la asocio.

D-ro *Privat* legas telegramon de S-ro Poncet pri Hodler kaj Rousseau kaj memorigas la grandan laboron de la mortintaj fondintoj de UEA.

Poste legas la raporton de la Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj ĝia prezidanto, S-ro *John Merchant*. Tiu raporto montras, ke por la jaro 1923 K. R. havis netan enspezon de $ 68.1.7 (nominale sv. fr. 1716.95) kaj por 1924 netan enspezon de $ 105.2.9 (nominale sv. fr. 2651.54).

La subteno tiel kresku de jaro al jaro! Jam nun K. R. estas firme staranta institucio de la movado kaj pri tio oni ŝuldas dankon precipe al la sekretario-kasisto S-ro Edmonds, kiu malgraŭ multaj malhelpaĵoj plenumis la necesajn taskojn.

S-ro *Applebaum* raportas pri Zamenhofa monumento, laŭ teksto en la kongresa libro.

La prezidanto petas rimarkojn kaj deziresprimojn pri ĉiuj raportoj faritaj.

S-ro *Wiesenfeld* rimarkigas, ke en la bilanca parto de la raporto pri Zamenhofa monumento oni ne menciis la enspezon, kiun faris samideanoj el Polujo por venigi la monumenton de Danzig ĝis Varsovio kaj starigi ĝin.

S-ro *Applebaum* respondas, ke li petis detalojn pri tiuj elspezoj kaj ne ricevis ilin. Li tamen aludis la temon en la teksto de la raporto.

S-ro *Stroele* petas, ke en la dokumentaro presota aperu la Bulonja Deklaracio kaj Regularo de Lingva Komitato.

D-ro *Privat* diras, ke tiuj jam aperis aliloke kaj plue, en la dokumentaro aperas nur la Kontrakto de Helsinki kaj la statutoj kiuj dependas de ĝi.

S-ro *Arabeno* aprobas la raporton de C. K. precipe la parton kiu rilatas al teknikaj konferencoj, ĉar ili estas gravaj propagandiloj por allogi praktikajn temojn.

Li legas leteron de la urbestro de Genova salutante la kongreson kaj similan komunikon de la Konsorcio de la Haveno de Genova (Ital.)

S-ro *Ŝapiro* apogas la ideon, ke oni metu la aliajn regularojn en la dokumentaron kaj plue petas ke oni daŭrigu la monkolekton por Zamenhofa monumento.

D-ro *Privat* respondas, ke la Akademio mem ne deziras, ke la statuto de L. K. aperu en la dokumentaro ĉar ĝi ekzistis antaŭ la kontrakto de Helsinki kaj ne dependas de ĝi.

D-ro *Privat* anoncas, ke C. K. akceptas la taskon kaj petas, ke bonvolontoj sin turnu kun mono al S-ino Isbrücker antaŭ ol forlasi la kunsidon.

S-ro *Rockmann* raportas, ke li reprezentas en la kongreso la urbon Magdeburg, kiu decidis enkonduki Esperanton en ĉiuj urbaj lernejoj. Li salutas la kongreson en la nomo de la urbo kaj deziras al ĝiaj laboroj sukceson.

S-ro *Aeltermann* salutas la decidon de C. K., ke la kongreso en 1927 okazu en Danzig, kaj bonvenigas ĉiujn esperantistojn al tiu urbo.

S-ro *Freitag* raportas, ke la Germana Unuiĝo de Teknikaj Societoj delegis lin al la kongreso pro ĝia komunikiĝo pri taŭgeco de Esperanto por teknikaj kaj sciencaj celoj.

Li submetas rezolucion, kiun la prezidanto tuj voĉdonigas:



*Membroj de C. K., K. R., UEA kaj L. K.*

Unua vico de maldekstre: F-ino Ch. Pulvers, S-ro Warden, S-ino Blaise, Prof. Cart, S-ino Isbrücker, D-ro Privat, Prof. D-ro Dietterle S-ro Rob. Kreuz, S-ro H. Jakob, S-ro Kostecki.

Dua vico de maldekstre: S-ro Nicolau, S-ro Aeltermann, S-ro Perret, S-roj Wiesenfeld, D-ro Arnhold, v. Frenckell, Fischer Boutwood, Grenkamp, Agourtine, Won Kenn, Schoofs, Ĉe, Mangada, Karsch, Stettler, Edmonds, Rockmann, S-ino Blicher S-roj Hromada, Blicher, D-ro Bischitzky, König, Blaise, Stroele, S-ino Farges, S-roj Dreher, Bouvier, Thollet.

S-ro *Nicolau* proponas, ke la raportoj de la oficialaj institucioj al la Kongreso estu sendataj antaŭ la Kongreso al la naciaj societoj, por ke ĉiu, kiu ne povas ĉeesti kongreson havu okazon ilin vidi antaŭe. Li ankaŭ alvokas al la naciaj societoj pli intime kunlabori kaj citas ekzemplon de aranĝota konferenco inter kelkaj apudaj naciaj societoj. Li finas per propono, ke la K. R. per glumarkoj enspezu la kotizojn de la naciaj societoj.

D-ro *Privat* anoncas ricevon de propono de S-ro Dalmau, ke oni tuj klopodu kolekti monon por presigi la prelegojn donitajn en la somera universitato. La kunveno tuj voĉdonas pri la rezolucio kaj ĝin akceptas, jene:

I. Por komenca normaligo kaj pli vasta diskonigo kaj pligravigo de la Internacia Universitato, kaj samtempe enkonduko kaj interesigo de Esperanto en studentajn kaj sciencajn ĝeneralajn kaj fakajn rondojn, la kongreso deziras, ke ĉiuj prelegoj de la unua funkcia periodo estu publikigataj je aparta volumo; unua eldonaro de la Esperanto-Universitato.

II. La XVIIa Universala Kongreso de Esperanto salutas la rezolucion de S-ro Behrendt, akceptitan en la Scienca Konferenco de Paris (majo 1925), kaj ankaŭ siaflanke petas la kompetentajn organizajojn de la Esperanto-movado, ke ili kolektu la deziratan adresaron ĝis la fino de ĉi tiu jaro.

La kongreso unuanime aprobas la rezolucion.

S-ro *Karsch* proponas kunan voĉdonigon de ĉiuj raportoj kaj uzas la okazon por transdoni saluton de S-ino Marie Hankel.

Laŭ demando de la prezidanto, la kongreso decidis voĉdoni pri la raportoj aparte.

La prezidanto voĉdonigas la raportojn de Lingva Komitato, Centra Komitato kaj UEA aparte, kaj la kongreso unuanime akceptas ilin kun dankoj al ĉiuj laborintoj. La raporton de la estro de K. R., rimarkigas prezidanto, povas nur akcepti aŭ malakcepti la naciaj societoj mem. Ili ĝin akceptis en kunsido dum la kongreso.

Al la raporto pri Zamenhofa monumento S-ro *Wiesenfeld* proponas jenajn malgrandajn amendojn:

a) Mencii, ke ĉiujn elspezojn bezonitajn por la alveturigo de l' monumento de Danzig ĝis tombejo en Varsovio kaj ĝin starigi kovris la samideanoj el Polujo el siaj propraj kotizoj.

b) Ŝanĝi sur paĝo 83 de kongresa libro, la II. pozicion de l' elspezoj je la jena: „Aldonaj elspezoj ktp.".

La kongreso akceptas la raporton kun la amendoj.

S-ro *Ŝapiro* proponas rezolucion jenan:

III. La kongreso rekomendas daŭrigi la monkolekton komencitan de la Monumenta Komitato. Pri la uzo de la kolektita mono decidu la Monumenta Komitato mem.

Tiun rezolucion la kongreso akceptas unuanime.

S-ro *Kenn* proponas la sendon de telegramo de danko kaj salutoj al generalo Sebert. La kongreso aplaŭdas la proponon kaj D-ro *Privat* petas la sekretarion tion prizorgi.

talenton. Ĉar li donis animon al Esperanto ĝis fariĝis lingvo vivanta. S-ro *Ŝapiro*, delegito de la naskiĝurbo de la Majstro, Bialystok, alvokis por honori la memoron de Zamenhof per stratnomoj „Zamenhof", kaj S-ro *Olŝvanger*, de la Cionista Komitato, en tre elokventa maniero parolis pri la eduka kaj kleriga povo de la interna ideo. La parolvicon finis S-ro *A. Ĉe*, sekretario de C. K., per atentigo pri la inspira forto de la Zamenhofa spirito, observebla ĉe la sindona laborado de niaj pioniroj.

Aparte ni devas mencii pri la partopreno de S-ro *Julio Baghy*, kiu solene kaj emocie deklamis la Preĝon sub la Verda Standardo kaj sian admirindan poemon „La Majstro mortis", kaj S-ro *M. Sarossy*, kiu per sia admirinde agrabla voĉo kaj klasika prononco inter multa plaĉo kaj ripetigo kantis pri la Nova Sento propran komponaĵon. Akompanis talente per fortepiano prof. *Pommier*, Genève.



*Robert Kreuz*

Poste S-ro *Edmonds* legas jam de li faritan protokolon de la kunsido, kiun la kongreso akceptas kun danko kaj gratulo al la protokolinto.

* * *

## Ferma Kunsido

Victoria Hall, 6 Aŭgusto, vespere.

Post la komuna kantado de tiu belega „Kanto de la ligo" de Mozart: „Fratoj manon donu kore", sekvis solenaj alparoloj de pluraj konataj oratoroj. D-ro *Privat* antaŭ ĉio refreŝigis la memoron pri la vivo de la Majstro, vivo plena de klopodoj, oferoj, suferoj, penado, vivo inda al genia homo superanta sian epokon. S-ino *Isbrücker*, prezidantino de la Univers. Esper. Pacifista Ligo, per sinceraj vortoj festis la pacan verkon de la granda praktika pacifisto. S-ro *Blaise*, komitatano de UEA, parolis pri la honorindaj virtoj de Zamenhof kaj pri personaj travivaĵoj. S-ro *Robert Kreuz*, ĝenerala sekretario de la Intern. Centra Komitato konvinke montris, ke Zamenhof en la ellaboro de Esperanto estis kondukata de intuicio superanta lingvistan

S-ro *Fr. Ellersiek* en la nomo de la granda germana eldonejo Mosse en Berlin prezentis rezolucion por morale subteni la eldonon de serio da libroj de Tutmonda Literaturo en Esperanto, kiu speciale respondas al la bezono de malgrandaj nacioj ktp. Ĉiusemajne aperu 1 volumo de 40 paĝoj, 10×15 cm.

La kongreso danke akceptis tiun utilan proponon al la movado kaj unuanime esprimis la rekomendon al C. K. por ĝia efektivigo.

La lasta, ferma kaj adiaŭa, parto de la kunsido estis maskita de la jen spritaj, jen kortuŝaj paroloj de S-ro *J. Merchant*, prezidanto de la Brita Esperantista Asocio, de S-ro *J. Warden*, kiu rememoris pri la iama knabo, nun la prezidanto de la Kongreso, kaj invitis al la Dekoka, kiu okazos en Edinburgo, de S-ro prof. *J. Dietterle*, kiu resumis la impresojn de la Kongreso kaj dankis al ĉiuj kiuj kontribuis por la sukcesa kongreso. Post la finaj vortoj de S-ro *E. Privat* la orgeno ree ludas la himnon, kaj la esperantista popolo ekmovas por forporti kun si la neforgeseblajn memoraĵojn de la soleno.



*D-ro Edm. Privat*



*Andreo Ĉe*



*Hans Jakob*



*Georges Stroele*

**El la „Albumo de skizoj pri konataj Esperantistoj". (Vidu anoncon sur lasta paĝo.)**

## Raporto pri la kunsido de Lingva Komitato dum la XVII-a.

3a de aŭgusto 1925.

La prezidanto de la Akademio S-ro prof. Cart petas S-ron Dreher sekretarii dum la kunsido kaj malfermas la kunsidon. Ĉeestas Cart, prezidanto, Dreher, Warden, M. Blaise, Arnhold, Kenn, Stojan, Rollet de l'Isle, Inglada, Mangada, Privat, Stroele, Pulvers, Butin, Christaller, Isbrücker, Blicher, Lippmann kaj Wiesenfeld.

La prezidanto esprimas sian ĝojon pro la fakto, ke post tre longa tempo estas eble, ke L. K. kunvenas. Li rifutas la riproĉojn de kelkaj, kiuj diras, ke L. K. malmulte faras, li montras kontraŭe, ke la laboro de Stojan, kvankam privata, estas pruvo pri la agemo de L. K. same kiel la laboroj de kelkaj aliaj L. K. Cetere ne estas la rolo de L. K. fari lingvon, sed ĝin kontroli. Li alvokas al moder eco en kreado de la lingvo. Estas verkita listo de la oficialaj vortoj, poste en diversajn lingvojn tradukota. Fine li alvokas la L. K.-anojn al plia atento pri la laborproponoj de S-ro Grosjean Maupin en la vortara fako.

S-ro Privat deziras senŝarĝiĝi de la sekcio pri konkursoj kaj Premioj, ĉar ja ĉiuokaze neniu volas sendi al la Akademio siajn verkojn kaj li mem ne povas serĉi la premiindulojn. Li plivolus krei novan sekcion, tiun de elparolo de Esperanto. Tian sekcion li jam formis private, sed volus ĝin oficialigi.

Post mallongaj paroloj de la prezidanto kaj de S-ro Inglada pri tiu ĉiu afero la ĉeestantaro *decidas rekomendi al la Akademio studi la aferon de kreo de sekcio de elparolo,* post kiam D-ro Privat prezentos al la Akademio sian projekton.

S-ro Stojan atentigas la ĉeestantojn pri la bezono unuecigi la diverslandajn skribmanierojn de Esperanto.

S-ro Wiesenfeld (Varsovio) skribis al la Akademio pri la uzado de „li" kaj „ĝi" en la Bulonja Deklaracio: ĉiu persono, kiu uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiaj celoj li uzas ĝin.

D-ro Privat atentigas pri la deziro de S-ino Morris ricevi de la esperantistaro formalan deklaron pri la lingva sinteno de de la esperantista organizo. Estas decidite sendi al S-ino Morris klarigan leteron. La teksto de la klariga letero memkompreneble estos fidela al la fundamentaj principoj de la ĝisnuna sinteno de la L. K. kaj la Akademio en lingvaj aferoj.

Prezidanto: *Th. Cart.* Sekretario: *Leop. Dreher.*

---

## Fakaj kunsidoj.

### Bahaistoj.

La du kunvenoj en la Baha-Oficejo estis eble plej interesaj el la fakaj, ne nur pro la intereso kiun elvokis la ideoj mem de Bahaismo, ankaŭ pro la ĝenerala simpatio kaj partopreno de konataj samideanoj, kiuj faris paroladojn: S-ro Prof. *Baudouin*, S-ino *Margaret Blaise*, D-ro *Mühlschlegel*, S-ino *Umanski*, F-ino *Diekmann*, S-ro *P. Stojan.* La organizintinoj — F-ino *Martha Root* kaj *Julia Culver* — meritas ĉian laŭdon pro la energio kaj fervoreco. Ĉeestis en la du kunvenoj pli ol 100 personoj. estis disdonitaj speciale presitaj esperantaj broŝuroj pri Bahaa Movado, en la programo estis la muziko, kaj oni proponis al la ĉeestantoj la honoran teon.

* * *

### Kunveno de la bankfakanoj.

(Okazinta la 3an de Aŭgusto).

La temo de la priparolo estis la fondo de la bankfaka vortaro en la lingvo Esperanto.

La iniciatinto de tiu ĉi afero estas la konata samideano, direktoro ĉe la Bankinstituto „Société Générale pour favoriser..." en Paris, S-ro *Georges Delanoue,* ĉefdelegito de UEA en Paris.

Krom S-ro *Delanoue,* ĉeestis:

D-ro *Heinrich Arnhold,* Dresden (Gebrüder Arnhold, Dresden-Berlin).

D-ro *Karl von Frenckell,* Dresden (Gebrüder Arnhold, Dresden).

S-ro *Jakob Frischknecht,* Waldstadt (Svisl.) (Crédit S. A. Gallois).

S-ro *Leo Funken,* Koblenz (Germanujo).

S-ro *Karl Fischer,* Berlin (Darmstädter & Nationalbank Berlin).

D-ro *A. Vogt,* Stuttgart (Vogtsche Bank, Stuttgart).

D-ro *Jaroslav Johano Ferko* (Bratislava-Banque Générale de Crédit Slovaque).

S-ro *Felix Epstein,* Hamburg (M. M. Warburg & Co.)

S-ro *Delanoue* salutas la kunvenintojn, sciigante la gravan kaŭzon de la kunveno.

Estis priparolata la demando ke oni traduku la ĉiuspecajn bankregularojn, borsan regularon, por ke oni povu poste el tiu materialo, elĉerpi la necesajn esprimojn. Ĉiu kunlaboranto ricevis la 18-paĝan de la menciita franca bankdirektoro prilaboritan vortmaterialon de la litero A, en franca lingvo, kiu estos tradukata de la kunlaborantoj, unue en la nacian, kaj poste en la esperantan lingvon.

Ĉe la esperanta teksto, estos farataj slipoj kun rimarko de la signifo de la vorto, ĉar la kunvenintaj bankfakanoj konvinkiĝis ke, en la diversaj lingvoj, la samaj esprimoj kelkfoje havas tute alian signifon.

La detaloj troviĝas en la protokolo de la kunveno.

* * *

### Kunveno de komercistoj.

18 komercistoj el sep landoj kunvenis la 4an de Aŭgusto sub prezido de S-ro Applebaum kaj unuanime esprimis la jenajn dezirojn:

1. Ke estas urĝa bezono eldoni kiel eble plej baldaŭ apartan kompletan komercan vortaron en 4 aŭ 5 lingvoj.
2. Ke la esperantaj gazetoj informu sin pri la fidindeco de la reklamantoj.

La sekretario:
*G. Warnier.*

* * *

### Kunveno de stenografistoj.

Sub prezido de redaktoro Rob. Kreuz, Genève, okazis la 5an de aŭgusto kunveno de stenografistoj. Ĉeestis 20 personoj, reprezentantaj 11 sistemojn. S-ro Kreuz detale parolis pri la neceseco dediĉi atenton al perfektigo de esp. stenografistoj, unue por servi niajn nunajn kongresojn kaj konferencojn, due por la estonta praktiko de Esperanto. — Li krome proponis sciencoteknikan kunlaboron por krei bazon de plej supera ŝtupo de esp. stenografio. Li salutis ĉefe, ke tiu intersistema kunveno havas unu idealon komunan.

Ambaŭ proponoj estis unuanime akceptitaj kaj oni decidis tuj interrilati pri tio kun la Internacia Asocio de esperantistaj stenografistoj.

* * *

### Filmo pri la foiro de Frankfurt a. M.

La 5. 8. S-ro *O. Schulkowski,* reprezentanto de la Internacia Foiro de Frankfurt a. M. prezentis interesan filmon pri la foiro de Frankfurt. Li montris al la multenombra ĉeestantaro la utilon de tia foiro kaj la ampleksan organizon de tia moderna grandmerkato. Ŝercfilmo komerca finis la dankeme akceptitan prezentadon, akompanitan per interesaj rimarkoj kiuj multparte montris ankaŭ Esperanton kiel komercan faklingvon.

Krom la bela 20-paĝa prospekto en Esperanto, la kongresanoj ricevis numeron de la imprese ilustrita organo de l' foiro kun vojaĝa priskribo de Barcelona en germana kaj esp. lingvoj de Rob. Kreuz.

Ambaŭ presaĵoj estas ankoraŭ riceveblaj de Messamt, Esperanto-fako, Frankfurt a. M. Platz der Republik.

* * *

## Faka kunveno de naturistoj.

Ĵaŭde, 6 Aŭgusto, en ĉeesto de 28 kongresanoj estis fondita Natur-Viv-Societo (NVS), kies celo estas:

1. vastigi ideojn de NVS per nia lingvo,
2. konigi nian lingvon en naciaj rondoj de NVS,
3. interŝanĝi ideojn kaj spertojn pri NV,
4. solidare agi kun similaj societoj,
5. organizi naciajn kaj lokajn grupojn, kunvenojn, koloniojn kaj vizitojn al la natur-sanigejoj.

La NVS celas unuigi homojn kiuj aprobas aŭ praktikas novajn movadojn kaj progresemajn tendencojn, kiaj estas: la vegetarismo, senalkoholeco, abstinenco, protekto al bestoj, racia sporto, kulturo de korpo kaj spirito, ktp.

La ĉeestintoj unuanime akceptis provizoran organizon kiu konsistos el unu centra sekretario (en Ĝenevo) kaj nelimigita nombro de naciaj sekretarioj. La kotizo ne estas deviga, sed la naciaj sekretarioj rajtas kolekti la monon por siaj elspezoj. La informojn afable havigos, la iniciantino de NVS, S-ino Hyams (Tagulino).

**Naciaj sekretarioj.**

*Brita:* S-ino *D. Hyams*, 87 South Side, Clapham Common, *London* S. W. 4.
*Ĉehoslava:* S-ro *D. Krémer*, Kalvárska 15, *Košice*.
*Ĉina:* S-ro *Won Kenn*, 15 Hong Kung Chik Str., *Kanton*.
*Bulgara:* S-ro *K. Georgiev*, Ulica „6 Septemvri" 1, *Sofia*.
*Franca:* S-ino *M. Tiard*, 11 rue de la Procession, *Paris* 15e.
*Sud-Franca:* S-ino *Wickham*, St. Basile par Mougins, *Alpes-Maritimes*
*Germana:* S-ro *A. Weber*, Hochwaldstr. 6, *Waldenburg*.
*Latvia:* S-ro *E. Grot*, Elizabethes iela 9, dz. 33, *Riga*.
*Pola:* S-ro *M. Ziomek*, Vincentego Pola 5, *Krakow 12*.
*Svisa:* S-ro *H. Danneil*, 3 Chemin de l' Escalade, *Genève*.

* * *

## Eksterprogramaj kunvenoj.

En la Somera Universitato, laŭ deziro de la publiko, okazis du kunvenoj por diskutado kaj respondado al la demandoj, merkrede kaj ĵaŭde frumatene; la temo: „Evoluo de la lingvo Esperanto".

S-ro *Niŝimura*, faris prelegon pri la nova religia movado „Oomoto" (t. e. „Granda Bazo)" en Japanio, kiu nun vastiĝas tra la mondo.

S-ro *Olŝvanger* paroladis pri la individueco de Zamenhof, kiel cionisto kaj filo de sia nacio. Tiu parolado estis tre valora, ĉar la parolinto havis personajn rilatojn kun la Majstro. La presita resumo de la parolado estas treege dezirinda.

---

**Kun la nuna numero estas sendataj:**

**Scienca Bulteno N-ro 5**

**Anonca Bulteno de la Brita Esperantista Asocio**

---

## Dankesprimo.

La Loka Kongresa Komitato opinias sia agrabla devo esprimi publike koran dankon al ĉiuj personoj kiuj bonvolis memvole proponi sian helpon kaj oferi sian tempon por la komuna tasko de la kongresa aranĝo. S-roj *Georges Stroele* kaj *Paul Humberset* venis antaŭ la kongreso kaj multe laboris, la unua kiel gvidanto de la librovendejo, la dua por la urĝaj aranĝoj. S-inoj *Danneil* kaj *Comman* sin oferis por la vendado de poŝtkartoj. S-roj *Fisher* kaj *Burkhardt*, oficistoj de la Svisa Banka Societo, multe helpis per siaj sindonaj servoj tra la urbo kaj en la stacidomo, F-inoj *A. Lapp* kaj *R. Kocherhans* ofereme deĵoris en la stacidoma akceptejo. S-inoj *Ith* kaj *Gorobcova*, S-roj *Vonnez* kaj *Gendre*, S-inoj *Umanski, Raviola, Burville, Perret* helpis en diversaj servoj, S-roj *Dalphin, Schmidt, Finkelstein, Looser, Reisinger, Frischknecht, Studer, Levy, Barraud, Cassani* donis laŭpove sian afablan helpon. F-inoj *Kapfer* kaj *Gérard* multe laboris dum la tuta kongresa semajno. En la gazetara servo sinoferis S-roj *Delanoue* kaj *Agourtine*. F-inoj *Wunderlich* kaj *Gorobcova* helpis en la akceptejo kaj oficejo. F-inoj *Root* kaj *Culver* afable disponigis la Baha-oficejon por la urĝa laboro. Al la ceteraj personoj, kies nomoj ne estis notitaj, kiuj ankaŭ kontribuis al la kongreso, la sincera danko ĉi tie estas esprimata. S-ro *Julio Domac* sufloris sinofere al la fervoraj geaktoroj de l' „Ginevra": F-inoj *C. Starke, E Haefelinger*, S-roj *A. Starke, M. Sarossy, J. Baghy, H. Kesik, E. Vincze, K. Forka, T. Studer, W. Wagner* kaj la paĝio *Perret*. S-ro *Schopfer* multe helpis al la ekskursaj aranĝoj kaj ĉe la monŝanĝo.

* * *

*Al la Loka Kongresa Komitato, kiu tute sinofere kaj kun senlaca streĉo, malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj, sukcesis aranĝi nian XVIIan, kun miloj da detaloj, zorgoj, la esperantistaro ŝuldas sian varman dankon. La Loka Kongresa Komitato konsistis el: D-ro* Edmond Privat, *prezidanto, S-ro* Paul Bouvier, *komitatano de UEA, F-ino* Alice Diekmann, *sekretariino de la Svisa Esperanto-Societo, S-ro* Rinaldo Borsa, *komitatano de la Ĝeneva grupo „Stelo", S-ro* Hans Jakob, *financa estro, S-ro* Robert Kreuz, *ĝenerala sekretario, S-ro* Andreo Ĉe, *sekretario. Ankaŭ la tuta oficistaro de la Centra Oficejo de UEA dum du semajnoj estis en la plena dispono de la Kongresa Komitato, nome: F-inoj* Elisabeth *kaj* Josephine Damon-Pichat, Rosa Kocherhans, Louise Grounauer, *S-ro* Albert Geissler.

Ch. Edmonds
*honora sekretario*
*de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj.*

---

## Japana propagandisto en Eŭropo.

S-ro *Niŝimura*, el Ajabé, Japanlando, volonte vojaĝos siakoste por prelegi en Esperanto en diversaj eŭropaj urboj pri la nova kultura kaj religia movado *Oomoto*. Grupoj dezirantaj lin inviti, skribu al li en Genève pere de Oficejo de UEA.

---

## Kiu veturos Japanlandon?

Povas esti ke oni bezonos en Japanlando baldaŭ instruanton de Esperanto kun modela elparolado (duobla vojaĝo kaj unujara restado pagota), kandidatoj turnu sin al la Centra Oficejo de UEA kun atestoj ktp.

## Svisa Esperanta Kunveno

*en Biel, 11 Oktober 1925*

Denove alproksimiĝas la dato de nia ĝenerala jarkunveno, tiel ŝatata de niaj S. E. S.-anoj, ke multaj el ili, dum la kongreso, promesis sian partoprenon, kvankam ĝi estos sufiĉe proksime de la ĵus okazinta granda renkonto en Genève.

Efektive, tiuj S. E. S.-kunsidoj estas kvazaŭ familia renkonto, dum kiu interŝanĝiĝas deziroj, konsiloj kaj rekomendoj. Tial la C. K. decidis okazigi la ĝeneralan kunvenon dimanĉon 11-an de Oktobro 1925 en Biel, kie ni havos la ĝojon konatiĝi kun la membroj de la nove fondita grupo, rezultato de nia lastjara vizito. Tiamaniere, ne nur estas oportuna por ĉiuj svisaj grupoj alveni al tiu facile atingebla loko, sed samtempe ni firmigos la ligilojn kun niaj novaj samideanoj.

La provizora programo estas jena:

10.45 h. laborkunsido en Hôtel Bielerhof
13a h. komuna tagmanĝo " " (ĉirkaŭ 4 fr.)
15a h. laborkunsido " "

Tagordo:

1. Protokolo de la antaŭa kunveno.
2. Raporto de la Centra Komitato.
3. Raporto de kasisto kaj kaskontrolantoj.
4. Elekto de Ĉefgrupo kaj prezidanto.
5. Elekto de loko por la venonta kunveno.
6. Fikso de la kotizoj.
7. Elekto de kaskontrolantoj.
8. Rezultatoj de la kongreso.
9. Esperanto ĉe Radio.
10. Esperanto en komerco.
11. Individuaj proponoj.

Partoprenontoj al la kunsido kaj tagmanĝo bonvolu sin anonci ĝis 4 Oktobro ĉe la sekretariino, F-ino Alice Diekmann, Rue de Lyon 66, Genève, aldonante jarraporton kaj nomon de la delegitoj. Nur grupoj, pagintaj sian kotizon havas voĉdonrajton.

Grupoj kiuj deziras metigi proponon sur la tagordo, sendu ĝin antaŭ la 11 Septembro.

La prezidanto de la Ekzamena Komitato, S-ro *Stroele*, Maujobia 7, en Neuchâtel, akceptos aliĝojn de personoj, kiuj deziras fari ekzamenon, kaj konigos rekte al ili la sciindajn detalojn pri loko, dato, ktp.

Esperante renkonti multajn el vi en Bienne, ni salutas vin

tutkore
*La Centra Komitato.*

## La X^a Katolika Esperanto-Kongreso en Parizo.

La X^a Katolika Esperanto-Kongreso sukcese okazis de la 13^a ĝis la 16^a de aŭgusto en Parizo. La malferman kunsidon prezidis S-ro Fourrier Bonnard, rektoro de la preĝejo „Saint-Nicolas des Lorrains" en Romo, kiu esperantlingve salutis la kongresanojn. La kongreson altpatronadis du kardinaloj kaj dekdu episkopoj.

Dum la laborkunsidoj, kiuj okazis ĉiumatene je la 10^a, prezentitaj estis interesplenaj raportoj pri la katolika gazetaro en Anglujo de S-ro J. E. Hookham, en Aŭstralio de S-ro Peat Leahy, en Belgujo de S-ro Hamaide, en Ĉeĥoslovakujo de S-ro Ŝteffl, en Francujo de pastro Ramboux, en Germanujo de F-ino Polier, en Hispanujo de pastro Font-Giralt, en Hungarujo de S-ro Feteke, en Jugoslavujo de S-ro de Sigeti, en Litovujo de S-ro Dombrovski, en Nederlando de S-ro P. Heilker kaj en Pollando de S-ro Ĉeçek.

Vendredon vespere okazis speciala kunsido de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista.

Ĉiumatene antaŭ la kunsidoj okazis mesoj, la unuan tagon en la katedralo de Parizo, la du aliajn tagojn en la preĝejo Sankta Johano-Evangelisto; predikis paroĥestro C. Duvaux kaj pastro Font-Giralt.

Posttagmeze la kongresanoj promenadis tra Parizo aŭtomobile vendredon, kaj ekskursis al Versailles sabaton.

Dimanĉon je la 15^a okazis la ferma ceremonio en la belega baziliko de la Plejsankta Koro en Montmartre, tutplena je homamaso. Ĉiuj kantikoj estis kantitaj en nia lingvo kaj pastro Ramboux predikis esperantlingve pri la universa reĝeco de l' Kristo. La ceremonio certe boninfluis la publikon pri nia Esperanto-movado.

Dum la malferma kunsido la kongresanaro aplaŭde voĉdonis telegramon jenan tuj sendotan al Lia Papa Moŝto:

„Katolikaj esperantistoj, kunvenintaj en Parizo por sia Deka Kongreso internacia, sub patronado de du kardinaloj kaj dekdu episkopoj, celante uzi lingvon Esperanto je la servo de la Eklezio, respekte ĉe la piedoj de Lia Papa Moŝto oferprezentas al Li respektegon, obeemon kaj amon filiajn, kaj humile petegas la apostolan benon por siaj laboroj."

Responde Pio XI^a sendigis jenan telegramon alvenitan tuj post la fermo de la kongreso pere de Lia Kardinala Moŝto Dubois, ĉefepiskopo de Parizo:

„Sankta Patro akceptante oferprezenton pri amo filia de la esperantistoj katolikaj kunvenintaj en Parizo por ilia Deka Kongreso internacia tutkore sendas al ili, pere de vi, apostolan benon petitan. Kard. Gasparri."

La kongreso ricevis ankaŭ saluttelegramon de la IKA-prezidantaro, tiam kunvenanta en Oxford. Responde, laŭ propono de pastro Ramboux, la X^a Katolika Esperanto-Kongreso voĉdonis sendon al la IKA-prezidantaro de tutkoraj danko kaj deziresprimo pri la unuiĝo de ĉiuj katolikaj samideanoj en la vicaro de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista, ĉu IKA-anoj, ĉu ne! IKUE ja deziras nur unuigi ĉiujn katolikajn esperantistojn kaj frate alvokas ilin ĉiujn ĉirkaŭ sia standardo. *G. R.*

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

**Internacia Komerco.**

**Abituriento** de germana reallernejo, kun 4-jara praktiko en banko, serĉas bonan pozicion en eksterlando. Kiu scias pri iu loko, tiu afable skribu al S-ro L. Loos, Pfarrgasse 1, Bamberg, Germanio.

**Almanakojn.** Mi dankege ricevus malkarajn almanakojn (kalendarojn) de iu ajn jaro (prefere de la malnova speco ŝatata de la kamparanoj) pro kompara studo. Al ĉiuj sendontoj, kiuj ne sciigos min pri alia deziro, mi sendos ilustritajn poŝtkartojn de arĥeologia intereso. Marin Whiteway, Stroud (Glos.), Anglolando. (Ankaŭ se iu povus sciigi min pri kamparanaj monatnomoj aŭ primitivaj tempmezuriloj, mi ŝategus tian informaĵon.)

**Atentu!** Kiu aĉetas 20000 diversajn senvalorigitajn poŝtmarkojn por 200 germanaj ormarkoj. Ankaŭ interŝanĝo kun ĉiuj landoj de la tuta mondo. Skribu tuj al S-ro Tomasz Peywaletz en Chorzów, Szkolno 20, Pollando.

**Filatelistoj!** Sendu 100 PM el via lando, mi tuj resendos saman kvanton. E. Eller, Fermette Passiflore, Coxyde, Belgujo.

**Filatelistoj ĉiulandaj!** Sendu al mi kvanton da poŝtmarkoj de via lando (ankaŭ duoblajn) kaj vi ricevos malnovajn holandajn postmarkojn ktp. Ne sendu bagatelojn! S-ro M. Toorens, Mariastraat 56, 's-Gravenhage (Nederlando).

**Franca lingvo per Esperanto!** Gestudentoj - samideanoj! S-ino M. Petit, UEA-del., 33 rue Chabot-Charny, Dijon (Franc.), instruas la francan per Esperanto.

**Gvidlibro.** Jus aperis „La Mure kaj ĉirkaŭaĵoj, Isère", regiona enciklopedio lukse ilustrita, 164 paĝoj, francilngva, aludas Esperanton. Prezo 11 fr. al S-ro prof. Caillet, La Mure, Isère, Francio.

**Hararanĝistinon** oni demandas por unuaranga holanda frizejo, sciantan „ondulation marcel", la masaĝon kaj manflegadon. Leteroj en Esperanto al Maison J. Solleveld, Heerenstraat 16, Ryswyk apud Hago (Holando).

**Holandaj florbulboj.** Ni atentigas la interesatojn, kiuj deziras aĉeti la florbulbojn por ĝardeno aŭ ĉambro, pri la anonco trovebla en venonta numero. La konata firmo „Jansen Hendriks kaj Filo" en Bennebroek apud Haarlem havas la plej bonan reputacion kaj garantias unuagradan kvaliton.

**Hungaraj poŝtmarkoj.** Mi volas vendi mian belan hungaran poŝtmarko-kolekton (850 diversajn) kaj 7000 tre bonajn hungarajn postmarkojn. Mi estas longjare pulmmalsana kaj ne povas labori, mi tre petas la esperantistojn kiuj volas helpi mian familion kaj povas doni 50—60 dolarojn (aŭ samvaloron), skribu tuj al Jenö Görök, vicdelegito de UEA, Szombathely, Templomtér 5 (Hungario), kaj mi sendos tuj.

**Oficon serĉas** S-ro Rudolf Gardelko, absolvinto de min-lernejo en Leoben, parolas germane, ĉeĥe, pole, esperante. Adreso: Freistadt, Ĉeĥoslovakio.

**Puntoj.** S-ro A. Dupuis, teknikisto, 7, rue de Montenotte, Paris 17, deziras ricevi de eksterfrancaj samideanoj sciigojn pri puntoj, brodaĵoj kaj similaj laboroj de virinoj, uzataj en eksterlando. Aĉetus plezure specimenojn kaj modelojn de naciaj produktaĵoj.

**Reprezentado.** Serĉas reprezentadon, tualetaj sapoj, parfumoj, ŝtofoj. F-ino Fraitte, rue Banatterie 68, Avignon, Franc.

**Stenografio por esperantistoj** baldaŭ aperos de B. P. Roubos, Noordendijk 99, Dordrecht, Nederlando. Al petantoj li sendas senpage la unuan lecionon kun bezonaj informoj. Adresu bone! Skribu legeble!

**Stereoskopaj fotoj.** D-ro A. Cottinelli, Via Battaglie 57, Brescia, Italio, deziras interŝanĝi stereoskopajn vitro-fotojn, 45 × 107 mm.

# Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

## Aŭstrio.

**Eggenberg** bei Graz. S-ro G. Schwartz, instruisto, Allée 46, PI, L kun Okcidenta Usono.

## Belgio.

**Schaerbeck.** S-ro V. Lamberts, arkitekto, 55 Av. Hamoir, PK, PM nur neuzitaj, sendas uzitajn kaj neuzitajn poŝtmarkojn.

**St. Kruis** (Brugge). S-ro Henri Campe, Vestingstraat 56, PM- kaj PK-kolektanto, PI bfl, PM, kun gesamideanoj el ĉiuj landoj, ĉiam respondas.

**Eeckeren** (Antverpeno). S-ro Clymans, instruisto, Kloosterstr. No. 54, PK, bfl kĉl.

## Brazilo.

**Miracema** (E. do Rio). S-ro Raphael Nogueira, inĝeniero, Wellington Street, PI bfl kĉl., esperante, france, angle kaj portugale.

## Bulgario.

**Gorna Orehovica.** S-ro Kiril Makaeev, PI, L, fotoj.

**Sevlievo,** v. Batoŝevo. S-ro H. Kovaĉev, učitelj, PI, L, kĉl.

## Ĉeĥoslovakio.

**Altstadt** b. Tetschen a. E. F-ino Mario Lippmann, kontoristino, PI, L.

**Dobruška** ap. Náchod. S-ro Karel Hamerský, privata oficisto, PK bfl kĉl.

**Horní Ves** u Horní Cerekve 85. S-ro Pavlíček, ĝardenisto, pri fakaj aferoj kĉl., PM, PI, kolektas esperantaĵon por propagando. Respondas ĉiam.

**Hradec Králové.** S-ro J. Mudra, Šafaříkova 550, PI, L, ĉiam respondas.

**Landskron.** M. Pam & Comp., centro Landskron, filio Habelschwert (Germanujo). Fabrikoj por paperaj ujoj, bobenproduktado. Korespondas esperante.

**Landskron.** Friedr. Stodolowky's Erben, drapfabriko por mebloj en pluŝo kaj silko. Korespondas esperante.

**Landskron.** Gustav Müller, frizisto, Bahnhofstr., specialaĵoj: harplektaĵoj, harringoj, rubandoj, ĉapelrubandoj por sinjorinoj, orienta vizaĝkremo.

**Malé Poříčí** p. Babí apud Náchod. S-ro Karel Coufal, komercisto, PK bfl kĉl.

**Pardubice.** S-ro Josef Lavička, urba oficisto, PI, L, ĉiam respondas.

**Plzeň** (Pilsen). S-ro Eduard Hage, instruisto, Borská 15, PM kĉl., minimume 100, ĉiam tuj respondas. Korespondas pri aliaj temoj.

**Přelouč.** F-ino Anna Michalová, instruistino, PK, L kĉl. pri malnovaj popolaj kutimoj.

**Schmiedeberg** i. B. S-ro Ludwig Liebald, burĝlerneja instruisto, deziras ricevi PI el ĉiuj landoj, uzeblajn ĉe la instruado kiel helpiloj. Ĉiam respondos.

**Tetschen a. E.** 739. F-ino Mario Weis, librotenistino, PI, L.

**Ústí n. O.** S-ro A. Barkman, UEA-del., instruisto ŝtate ekzamenita, PI, fot-aĵojn, PM, ilustritajn gazetojn, por si kaj siaj lernantoj 12—15-jaraj.

**Zohsee kaj Landskron.** Karl Thoma, meĥanikaj silkaĵfabrikoj, specialaĵoj: skarpoj, tukoj, artaj silkŝtofoj kaj subŝtofbrokatoj.

## Ĉinlando.

**Peking.** S-ro Yu-bei-yuan, studento, 7 Pi-Kuan Hutung, East City, deziras korespondi pri ĉina, sanskrita kaj tibeta lingvoj kun seriozaj lernantoj.

## Germanio.

**Börnig** apud Herne (Westfalio). S-ro Jantos, Barbarastr. 19, PI kaj L kĉl.

**Dresden-A.** S-ro Oskar Vogel, ŝtata inĝeniero, Leubnitz-Neuostra, Gartenstrasse 3, L, PM, respondos ĉiam.

**Gotha.** S-ro Ernst Linde, superinstruisto, PI kun ĉiulandaj gesamideanoj.

**Görlitz** (Silezio). S-ro Wilhelm Möhle, kompostisto, Pontestrato 7, III, L, PK, PI, PM, bfl, esp-aĵojn, gaz. kĉl. Ĉiam respondos.

**Groß-Strehlitz.** S-ro W. Grimm, Ober-Postsekretär, PI, L kun ĉiulandaj gesamideanoj, sed ne komencantoj.

**Herne.** S-ro Erich Finkler, instruisto, Adalbertstr., PI kaj L kĉl.

**Nürnberg-Schwabach.** S-ro Albert Ofen, Lorbeerstr. 4, fraŭlo 21-jara, L, PI kun gesamideanoj ne pli ol 25-jaraj. Nepre respondas.

## Hispanio.

**Gerona.** F-ino Luisa Bargés, instruistino, Escolas Pías 2, korespondas kĉl., sed nur kun seriozuloj.

**Palma de Mallorca.** S-ro José Miró, Colón 22, Espana Baleares, PM kĉl. escepte Germanujo, ankaŭ mi sendas PI kontraŭ PM, skribu legeble.

## Hungario.

**Kiskunhalas.** S-ro D-ro Grosz Mór, advokato, L, PI kĉl.

**Miskolc.** S-ro Aleksandro Weisz, Zoolcai-kapu 5, PI, PM, L pri literaturaj, teatraj, sociaj temoj kĉl.

## Italio.

**Spezia.** S-ro Luiĝi Topi, Via F. Bandiera 1, PI, L, kĉl., nepre respondos.

**Suzzara** (Mantova). S-roj Dino Villani kaj Tebe Mignoni, pri ĉia temo kun landoj: angla, belga, portugala, latva, litova, rusa, turka, kaj kun eksterеŭropanoj.

**Udine.** S-ro Albano Cancelliero, Viale Stazione 5, PK (nur kun fraŭlinoj), PM.

**Udine.** S-ro Amilcare Benini, Via Gaeta 23, PK (nur kun fraŭlinoj).

**Udine.** S-ro Francisco D'Aronco, Via Gaeta 12, PK kĉl.

**Udine.** S-ro Aristide Colussi, Via della Vigna 13, PK, PM kĉl.

**Venezia.** S-ro Gvido Secchieri, Canareggio 5623, interŝanĝas fotojn de esperantaj grupoj, PM, kaj korespondas kĉl.

## Litovio.

**Naumiestis** (Žem.). S-ro J. Bicka, L, PI kĉl., pri pedagogiaj, popolmoraj temoj.

**Dotnava.** S-ro Bronius Laukšas, Agrikultura Teknikumo, III. kurso, kun kanadanoj per PI kaj L.

## Maroko.

**Amizmiz.** S-ro Pierre Carriere, Bureau des Renseignements, deziras serioze korespondi kun araboj arablingve.

## Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PM, helpmono, malakceptas bagatelojn.

**Amsterdam-Noord.** S-ro Gerard H. Bosma, Wingerdweg 1, pri internacia lingvo (diversaj sistemoj) kun ĉiulandanoj.

**Culemborg.** F-ino J. Street, Ridderstraat 1, PM kĉl., ne bagatelojn, ne sendas unue.

## Pollando.

**Bialystok.** S-ro Emanuel Rozensztejn, lernanto, Zamenhofa 12, I, L, PM, PI kĉl.

**Drohobycz.** S-ro Chaim Altmann, Garbarska 3, kun Oriento, Palestino, gazetojn esperantajn kaj naciajn.

**Hoszcza,** pow. Równe. S-ro M. Tylewski, monerojn, papermonon, fotojn kĉl.

**Kraków.** S-ro Emil Janczalik, studento de l' juro, ul. Dwernickiego 3, L, PK, PI kĉl.

**Naklo-Noteć.** S-ro S. Janicki, profesoro, Dabrowskiego 255 b, PI, L, PM kĉl., librojn, gazetojn esperantajn kaj naciajn, ktp.

**Warszawa.** S-ro Gustav Woyslaw, ul. Gesia 49 m. 13, PM kĉl.

## Rumanio.

**Arad.** F-ino Frida Schwartzberger, Strada Firici 1, L pri grafologio kaj natursciencо, PI kĉl.

## Sudslavio.

**Negotin** (Serbio, Krajina). S-ro Vladimir Gmizović, gimnazia profesoro, PM.

**Subotica.** S-ro Ernest Weisz, PM kun ĉiuj eŭropaj landoj.

**Subotica.** S-ro Imre Beck, Vilsonova 1, PI pri popolaj kostumoj, nur neeŭropanoj.

## Svislando.

**Le Locle.** S-ro Charles Mattern, 19, J.-J. Huguenin, PI, PK kaj L kĉl., pri seriozaj temoj, ĉefe lingvaj, politikaj kaj religiaj: ankaŭ angle, germane kaj france. Aldonu fotografaĵon. Ĉiam respondas.

**Leysin.** S-ro Edm. Stutzmann, fervoja oficisto, Avenue Rollier, L, PI kĉl.

## Usono.

**Chicago.** S-ro F. Kovarik, 2502 So. Kedzie Ave., PM kĉl. laŭ Yvert aŭ Scott.

**Mitchell** (S. Dak.). S-ro C. H. Gibbons, Faith Home, korespondas kun ĉiuj, escepte kolektistoj, filatelistoj.

**Moundsville** (West Virginia). S-ro Herbert Scott, 1312 Purdy Ave, PM, prefere kun multhavuloj aŭ neeŭropanoj; ne sendas unue.

**San Francisco** (California). S-ro H. Edwards, 1061 Hyde Street, fotografaĵojn, portretojn, PI kĉl.

## XIIA INTERNACIA KONFERENCO DE LA RUĜA KRUCO

**Malfermota: 7 Oktobro 1925 en Genève.**

TAGORDO:

### I. Ĝeneralaj Raportoj.

A. Raporto de la Internacia Komitato pri la fundoj kiujn ĝi administras. Raporto de la Internacia Komitato pri la periodo 1923—1925 kaj pri la mandatoj asignitaj de la XIa Konferenco.

B. Raportoj de la centraj komitatoj (1923—1925), jene ordigitaj:
1. *Agado dum- kaj postmilita:* a) militire, landinterne. b) rilatoj kun militaj estraroj. c) eventuala agado dum civila milito. d) agado de la Ruĝaj Krucoj por rifuĝintoj.
2. *Agado dumpaca:* a) sur nacia kampo. b) sur internacia kampo (nome internacia entrepreno por helpi popolojn trafitajn de malfeliĉegoj, rezolucio VIa de la XIa Konferenco).

### II. Specialaj Raportoj.

1. *Proponoj de la Internacia Komitato.*
A. Neŭtraligo de la sanigistaj aviadiloj. Raporto pri propono de la franca registaro al la XIa Konferenco.
B. Normigo de la sanigista ilaro:
a) Brakportilo b) Karto por vunditoj. c) Bandaĝa necesujo.
C. Rilatoj inter militist. kuracaj oficejoj kaj naciaj societoj ruĝ-krucaj.
D. Kemia milito kaj ĝiaj sekvoj.
E. Esplorado de rimedoj por malpliigi la nombron de la dummilitaj malaperintoj.
F. Kunordigado de klopodoj de la privataj help-agadoj por rifuĝintoj (Armenoj, Bulgaroj, Grekoj, Rusoj, Turkoj kaj Albanoj).
2. *Proponoj de Centraj Komitatoj.*
La proponoj pri temoj prezentotaj al la esploro de la XII-a Konferenco devus atingi la Internacian Komitaton de la Ruĝa Kruco ĝis la 1a de septembro 1925.

### III. Internacia Organizado de la Ruĝa Kruco.

Ĉu estas plenumitaj la kondiĉoj fiksitaj de la rezolucio I de la XIa Konferenco, kiu esploros la decidojn farotajn sekve de la raporto de la ekzamena komisiono.

# RENESANCO-RENASKIĜO

## Mâyâ del Rôma

**kreantino de moderna vestfarada arto, la fondintino de novepoka renaskiĝo de artoj en arkitekturaj, mebl- kaj vestfaradaj metioj, en industrioj de ŝtofkolor- kaj teksado, de ornamaĵfabrikado ktp.**

Kiel socialorganizantino de granda stilo prezentas sin samideanino per ŝiaj kapabloj senekzemple diversflankaj en rilato de pentraĵoj, ŝtofkolorado, ornamaĵo de kostumoj, formado de mebloj kaj arkitekturaj verkoj, sukcesplena reformantino de kultura evolucio. Per propraj poemoj ŝi prezentis al fakularo tutmonda modelojn kies influo instigis profesorojn de lernejoj, entreprenoj de arto, metio, kaj industrio al kreado de viglaj koloraj formoj, labormanieroj kaj ideoj de konstruado de iloj, maŝinoj kaj tute novaj materialoj, kiuj aperis en lasta epoko. Ŝi entuziasmigis en tempoj de zorgo, kiu sin prezentis kun unutone kaj malgaje vestita homaro aron de metianoj al *novaj celoj* kaj kunlaboremaj metodoj.

**Renaskiĝo!**

La antikvaj tempoj ŝajnis preni denove estantan realecon kiam *Mâyâ del Rôma* kuraĝe metis en popolo siajn verkojn admirindajn pro harmonio de formoj, koloroj kaj detaloj de farado. Nove kreita aperis la mondo pro ŝia influo. Ne nur nove vestita! Ĉar la nove kreitaj modeloj havis profundan senton. Ili naskiĝis el kunsentado de doloroj de la homaro precipe en la dum- kaj postmilita epoko, kies nebuloj pro politikaj kaj reformemaj intertraktoj ŝajnis ne deŝireblaj. Nove vestita ni vidas la homaron en brilaj vivoĝuantaj koloroj kvazaŭ metita en mezo de fabela lando de pacema, riĉa feino. Ho, la verkoj de *Mâyâ del Rôma* estis donaco de vastega influo kaj granda valoro por ĝojigi la homaron, por vivigi esperon al estonta paca kunlaborado! Sub aŭspicioj de kapablaj artistoj nun laboras en komuneco homoj de diversmetiaj grupoj kiuj antaŭe ne sciis vojon, nek eblon de samcela laboro, eĉ kontraŭbatalis unu la alian.



*Mâyâ del Rôma*

Ni nun, post disvastiĝo, per la kreaĵoj de *Mâyâ del Rôma*, de prezentitaj labormetodoj en la tuta mondo, devas konstati, ke tiu en profundo de animo naskita senekzemple multflanka genia laboro havis sukceson kaj daŭron kaj vere paceme unuigantan efikon! Kion alcelis Esperanto, la verko de nia estimata majstro, en plej vastaj universalaj formoj. Samideanino *Mâyâ del Rôma* atingis sur kampo kie oni per laboro paca batalas por garantii kaj forte enradikigi pacon eternan. Ŝi malfermis vojon al efektivigo de fabela lando de esperantisma harmonio. Same talenta en kreado kaj recitado de poemoj kaj fabeloj kiel kapabla en muziko, pentrarto kaj kostumkreaj manieroj, ni vidas en ŝi modelan reformemon kiun devus sekvi ĉiuj eltrovintoj kaj kreantoj! Per influo de kapabla kaj universala harmonia arto la tekniko fariĝas pacema, la verkoj de inĝenieroj fortaj kolonoj de templo de paco kiu per malbona uzado de teknikaj verkoj ĉiam estas en danĝero.

Per naciaj tradukoj de Mâyâ-fabeloj, per peresperantaj aranĝataj ekspozicioj kaj recitadaj prezentadoj — pruvoj de la deveno de la novepoka renaskiĝo de artoj — la esperantismaj rondoj certe faros grandan influon al disvastigo de nia kara lingvo.

Ni atentigas nun la samideanaron en tiu direkto kaj proponas atentigi per nacilingva traduko de la faktoj al neesperantistaj rondoj. Precipe laboremuloj havos intereson scii ke ne per iu uzino aŭ magazeno estas kaŭzita la fabrikado de novaj ŝtofoj, iloj kaj artaj labormanieroj, sed ke ili naskiĝis en la animo de **Mâyâ del Rôma** en arta, industria kaj metie kreada tradukanta genio!

Esperanto-Presejo Magdeburg